XVª jaro. Nº 231 (11) ☆ Monata ☆ Novembro 1919

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

| | |
|---|---|
| **Ordinara eldono** . . . . . . . . . . . . . | **5. — Frankoj** |
| **Luksa eldono** . . . . . . . . . . . . . . | **6. 25 Frankoj** |

*Svisa poŝtĉeko III. 2600. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn*

*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato*

REKLAMO

| | |
|---|---|
| **Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . . . . | **0. 50 Frankoj** |
| **Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . . | **0. 40 Frankoj** |
| **Korespondado** (1 enskribo) . . . . . . . | **0. 50 Frankoj** |

*Rabatoj: 3 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo kaj Administrejo: Museumsstrasse 14, BERN (Svisio)



## NUNTEMPAJOJ

## LA ORGANIZO DE LA SOCIETO DE LA NACIOJ

Senbrue organiziĝas la Societo de la Nacioj, kiu estas la ĉefa rezulto de la pacotraktato kaj espero de la pacamikoj. En la ĉi-suba artikolo, tradukita el „Journal de Genève", kompetenta funkciulo de la sekretariejo konigas la ĝis nun faritan laboron, ankoraŭ tre malmulte konatan de la publiko. Oni konstatos, ke la Societo de la Nacioj ekzistos ne nur sur la papero, sed fariĝos vivanta realaĵo, kvankam pri ĝia agado ankoraŭ ne parolas la sensaciaj jurnaloj.

Inter la taskoj plenumotaj dum la unua kunsido de l' Konsilantaro de la Societo de la Nacioj, la plej grava estos la leĝa kaj definitiva starigo de la konstanta sekretariejo. Oni scias, ke laŭ la pacotraktato Sir Eric Drummond, sekretario de S-ro Balfour, estas difinita kiel ĝenerala sekretario de la Societo. Sir Eric Drummond tuj eklaboris. Li elektis stabon de kunlaborantoj, fiksis la organizon kaj ĉeftaskojn de la sekretariejo kaj instalis provizore ĝiajn servojn en la hotelo de dukino Marlboroughrgh en Londono, ĝis la venonta translokiĝo al Ĝenevo.

Fruktodonaj por la estonteco de l' mondo estis la unuaj semajnoj de agado, en izoleco kaj senbrueco. La programo, fiksita en la ĉefaj punktoj, la kunigitaj agorimedoj, de nun montras la efikon de tiu organizaĵo, kiu ambicias esti la vera komuna ministerio de l' homaro kaj havas la rimedojn fariĝi tia. Per tio la Societo de la Nacioj, vivanta, konstanta, kreanta, ĉieestanta kaj universala, profunde diferencos de la Hagaj organizaĵoj, limigitaj al arbitracio.

Absolute internacian karakteron havos la konstanta sekretariejo. Ties membroj ne estos elektataj de siaj respektivaj landoj — kvankam oni laŭeble penas kunlaborigi ĉiujn naciojn —, sed de la Ligo mem. Ili ne estos la reprezentantoj de sia lando, sed funkciuloj de la Ligo. La ĝis nun konataj elektoj montras la zorgon igi tiun organizaĵon vivanta kaj aganta. La pli multaj elektitaj personoj, inkluzive Sir Eric Drummond, estas maturaĝaj kaj eĉ junaj. Tre malmultaj estis ŝtatfunkciuloj en sia lando. La pli multaj estas elektitaj pro sia propra kompetenteco, senatente pri ĉia administra tradicio.

Inter la homoj, kiuj okupos gravan oficon en la sekretariejo, oni trovas, laŭokaze, pograndan komerciston, historian profesoron, juriston, k. a., kiuj forlasas interesajn oficojn, kelkaj eĉ altajn poziciojn, kaj ne forlasas ilin por nenion fari. Agi ili volas. Senrutinaj ili estas kaj la Ligon ili ne konsideras kiel rifuĝejon por maljunuloj.

La pli multaj rigardas sian taskon kiel esence interkomprena kaj universala. Ion simplan ili volas fari, sed grandegan: nome, la teknika kunordigo, en ĉiuj fakoj koncernantaj la internacian vivon — kiu ne koncernas ĝin iel nuntempe? — tiamaniere ke estu evitataj la frotiĝoj kaj la konfliktoj.

Interne de la sekretariejo oni antaŭvidas la kreon de deko da sekcioj.

Du sekcioj pli speciale okupiĝos pri la precizaj taskoj, pri kiuj la pacotraktato komisias la Societon de la Nacioj; unu, kiun direktos Amerikano, kontrolos la plenumon de la mandatoj de la Germanaj kolonioj, alia, gvidota de Norvego, okupiĝos pri la senpera administrado de la Saar-teritorio, de Danzig, kaj sendube ankaŭ de Fiume kaj de Trakio.

La ekonomia sekcio, al kiu oni verŝajne aldonos financan sekcion, zorgos pri la reguliĝo de la monda produktado kaj ĝia dispartiĝo inter la diversaj konsumlandoj; ĝi transprenos la heredaĵon de la ekonomiaj Entente-organizaĵoj, kies grandega dummilita agado estas ankoraŭ malmulte konata. Laŭ bone informitaj personoj, estas tiuj organizaĵoj, kiuj ebligis la provizadon de Eŭropo kaj gardis nian kontinenton kontraŭ la malsatego. Jen la estonta tasko, sed pli grandmezura, pro la partopreno de ĉiuj landoj, plenumota de la ekonomia sekcio, kiun direktos Anglo. Ĝi ankaŭ okupiĝos pri la valutproblemo, kiu minacas fariĝi monda malfeliĉego, kaj ekzamenos la kreon de internacia mono.

La transport-sekcio, direktota de Italo, devos, akorde kun la ekonomia sekcio, certigi la reguleco de la internaciaj transportoj maraj kaj teraj; ĝi estos la sekvo de la „Interallied shipping and chartering Executive".

La politika kaj la informa sekcioj estos gvidataj de du Francoj. La politika sekcio studos kaj ekzamenos pri ĉiuj gravaj politikaj demandoj, kiuj povus interesi la Societon

de la Nacioj, preparos la laboron de la Konsilantaro kaj kunmetos ĉiujn aŭtentikajn informojn necesajn por justaj juĝoj.

La informa sekcio pli speciale celos kunrilatigi la Societon de la Nacioj kaj la publikopinion diverslandan. Ĝi penos publikigi ĝustajn dokumentojn pri ĉiuj konfliktaj demandoj, certigi la kunlaboradon inter la telegraf-agentejoj, unuvorte malhelpi, ke diferencoj pri la informado de la popoloj kaŭzu miskomprenojn kaj konfliktojn.

Sekcio pri laboro, gvidota de Belgo, kaj sekcio pri la socialaj verkoj, ĝenerale zorgos pri la bono de la homaro. Sekcio kunordigos la laboron de la diversaj internaciaj oficejoj en Bern. La jura sekcio, direktota de Nederlandano, eminentulo pri internacia juro, studos je la jura vidpunkto la demandojn submetotajn al la Societo. Fine, administra sekcio kontrolos la internan vivon de la sekretariejo.

Ĉiu konsentos, ke tio estas belega programo. Definitiva ĝi ne estas. Ŝanĝoj estas ankoraŭ eblaj; la nombro kaj la tasko de la sekcioj estas modifeblaj. Sed en sia ostaro la morgaŭa entrepreno jam stariĝas antaŭ ni.

Grandega ĝi estas, sed ebla. Ekzistas en la mondo multe da aferoj kaj funkcioj, kiuj pro manko de centra organo ne povis esti kunordigataj, sed ili povas fariĝi tiaj, ne renkontante materian malhelpon kaj ne malutilante ies rajton. Tiu entrepreno estos fruktodona en siaj rezultoj, ĉar la pli multaj konfliktoj, kiuj sangigis la mondon, devenas de morala aŭ materia manko de kunordigo. Certigi tiun kunordigon estas grave malpligrandigi la militriskojn.

Tiel aranĝita la Societo de la Nacioj plaĉos al ĉiu, kiu ŝatas realajon pli ol ĥimerojn. Ĝi plaĉos pro la universaleco, kiun ĝi konkretigas kaj promesas, pro la rezultoj, kiujn ĝi promesas, kaj pro la beleco de idealo, kiu samtempe estas agado.

Trad.: *A. R.*

 SOCIA VIVO 

# Per la junularo por la estonteco

Kiu estas kreinta ĉion mem en sia vivo, kiu sin sentas vera patro de siaj faroj, kiu havas celon, planon kaj ĝin plenumas kun persisto, subtenata sole de sia volo, kiu, renkontante barojn sur ĉiu paŝo, ilin forigas kun lerteco aŭ energio, prudento aŭ forto, nur tiu povas esti nomata vera homo. La vera homo estas kreita por la aliaj kaj devas aŭ toleri ilin aŭ korekti ilin. Al ni altrudiĝas do certaj zorgoj, certa devo al la junularo kaj por la estonteco.

Tiuj pensoj venas al mia memoro, ĉiam kiam mi enrigardas en la estanteco kaj ekpensas pri la estonteco. La tempoj, kiujn ni travivas, estas fatalaj; ili estas mezurilo en la nuna momento de la individuaj kaj kolektivaj kapabloj de l' homaro. La giganta milito, en kiu preskaŭ ĉiuj popoloj estis deponintaj siajn materiajn kaj moralajn fortojn kaj kapablojn, devis konduki al la triumfigo de la justo kaj bono.

Tamen ne sufiĉas nur tio ĉi; oni ne devas nur klopodi venki la kontraŭulon kaj eliri venkanto el tiu lukto. Oni devas labori multe pli kaj en alia direkto, se oni volas firmigi kaj konservi la gajnajon.

Oni devas pensi pri la generacio kaj pri ĝia estonteco! Jam de nun al ni altrudiĝas devo prizorgi kaj gardi nian junularon kontraŭ korupto, ĉar tiu sama junularo por la estonteco devos ludi en la vivo gravan rolon. Jam de nun ni komencu per la rimedoj, kiujn ni trovas bonaj, sufoki la malvirtojn, anstataŭ kiuj ni plantu virtojn ĉe niaj infanoj kaj lernantoj. Ke nia zorgo pri la infanoj estu: kiel disvolvi kaj kiel konduki ilin. Tio ĉi nun pli ol iam al ni altrudiĝas por fari kiel eble plej baldaŭ, ĉar la tempo flugas.

La gepatroj kaj la instruistoj senĉese direktas siajn pensojn al pli alta celo. Tamen, la malfortuloj, tio estas la infanoj kaj lernantoj, ne estas ankoraŭ preparitaj por pensi al ia alta celo en sia vivo kaj tial ili facile povas fali sub eksteraj influoj kaj doni sin al pekoj. Pro tio ili devas nur konscii, ke ili devas labori. La momento, en kiu ni vivas, donas al ni ankoraŭ pli da motivoj pensi pri tio. Jen kial ni devas helpi al ili, defendi ilin; ni devas havi hodiaŭ pli ol ĉiam zorgon pri ilia konduto, kaj per disciplino kaj ekzemplo, laboro kaj persisto sugestii al ili, ke ili devas vivi kaj esti gvidataj en sia vivo nur de la severe desegnita natura vojo. Ni devas sugestii al ili amon al laboro kaj persisto, ĉar nur per tiuj du ecoj oni perfektiĝas kaj venkas. Ni devas firmigi ĉe ili la penson, ke la laboro ne estas nur la grandega instrumento, kiu kovras la teron je fruktodono kaj beleco, kiu obeigas la oceanon, kaj transformas la materion en miloj da agrablaj kaj utilaj formoj, sed ke ĝi havas ankoraŭ pli altan mision: ĝi donas volon kaj forton, paciencon kaj persiston!

Bone estas se ni, tiel la gepatroj kiel la instruistoj, fordonas iom da tempo por en hejmaj aŭ lernejaj interparoloj instrui la infanojn kaj lernantojn pri ilia pasinteco kaj tutmonda historio, kiu estas trezoro de la homa vivo, sed la historio de la kulturo, ne tiu de la sangaj bataloj. Ni prezentu al ili en kiaj abismoj de malklero ni estus dronantaj se estus neniiĝinta aŭ estingiĝinta ĉiu memoro pri tio, kio estis farita aŭ okazinta antaŭ ol ni estas naskitaj. Instrui ilin pri ilia patrolando, sed malkovri senpartie ankaŭ la ceterajn partojn de la terglobo, konigi ilin, ĉar ju pli oni konas ion, despli oni amas ĝin, kaj la amo donas ĉion: ĝi donas kredon kaj esperon kaj transformas en ĝojon la oferojn; ĝi instruas je persisto kaj modereco; ĝi elvokas unuiĝon, preparas forton.

Pri la estonteco ni devas pensi, kaj ĉion kio estas al ni necesa, kio mankas al ni, ni akiru de ni mem; per la junularo ni atingos ĉion, kaj pri ĝi ni ĉiuj devas pensi kaj zorgi. Vere la estonteco apartenas al la junularo, sed ankoraŭ pli vere estas, ke pri la estonteco estas ni la respondaj, ni la forirantoj.

Kun ĝojo ni legis antaŭ unu jaro en „Esperanto" la intencatan en tiu direkto de la fama Rusa literaturisto Maksim Gorki — helpota de la plej bonaj nuntempaj verkistoj — kreon de porinfana libroserio, kiu enhavos la biografiojn de la grandaj spiritoj de la homaro. Li ankaŭ rimarkigas, ke en la nuna tempo neniu pli ol la infanoj bezonas nian atenton. Ankaŭ nia kara Esperanto povas tie ĉi ludi tre utilan rolon. Ĉu do ĝia instruado ne estas la plej bonfara de pedagogia vidpunkto? Anstataŭ polemiki, ni rapidigu la horon de ĝia ĝenerala enkonduko en la lernejojn kaj . . . ni rikoltos belajn, mirindajn fruktojn.

Per Esperanto kaj verkoj por la spirita alproksimiĝo de l' popoloj — unu el la plej intimaj deziroj de nia karmemora Majstro — ni povas atingi la *reedukon* de l' amasoj kaj formi la veran Internacion de l' Eduko. Oni forigu aŭ ŝanĝu la lernejan kurson pri historio, kiu, krom nenecesa, danĝera kaj ŝovinista, estas ankaŭ tro granda memorstreĉado, estante preskaŭ ĉie nur longa sekvo de datoj, faktoj, militoj, maljustaĵoj, k. t. p. Oni pritraktu la internan vivon de ĉiu historia periodo, la vivkondiĉojn de l' plimulto, la morojn, aŭ oni anstataŭigu ĝin per ekzamenado de la diverslandaj kaj diverstempaj vivkondiĉoj — per *socia* studado. Kvankam kelkaj diros, ke tiu studado estos multe tro malfacila, ĝi

estos certe pli interesa kaj viviga ol la nuna historia instruado, kaj ĝi preparos certe pli bone la gejunulojn al la homa vivo, al la lukto por vivi. Ĉar estas ja nur tia la celo de l' instruado: Prepari la geinfanojn esti bonaj civitanoj, bonaj helpantoj de l' progresanta homaro, kaj ne elpuŝi — kiel la nuna lernejo — multe da malbonfaruloj kaj mizeruloj!

Sed antaŭ ĉio ni komencu lukton kontraŭ ĉiu malbono, kiu venas detrui la junulan animon. Ministerioj de publika instruado, edukaj komitatoj, instruistoj, gepatroj kaj ĉiuj intelektuloj donu sian oferon kaj faru ĉion por komuna bono, por la estonteco. La popola klerigado devas esti levata al pli alta ŝtupo! Ni venkos kiam ni batalos en la societo kaj en la lernejo kontraŭ la interna malamiko — la korupto kaj la malklero.

*Ivan H. Krestanov.*

---

# La sociala vivo de la Ĉinoj

En Ĉinio[1] ni unue estas frapataj de la mirinda nombro de la homoj kaj de ilia formiksimila movebleco. Ŝajnas kvazaŭ la tuta popolo estas sur la strato, rapidante ire kaj revene, aĉetante kaj vendante, parolante kaj gestadante. Oni laŭlitere povas ĉion prizorgi sur la strato. Jen viro forŝovas sur manĉaro fornon kun vaporiĝantaj manĝajoj; oni kunmetas siajn aĉetajojn kaj kaŭrante ilin konsumas, dum li diskonigas la novajojn. Jen alvenas migranta razejo, tuj benketo estas provizata, la kapo lavata per varma akvo, la haro forigata de la frunto kaj de la tempioj per tranĉilo, kaj la harligo religata. Historirakontisto kolektas areton da aŭskultantoj ĉirkaŭ si, aŭguristo bruadas per la orakolbastonoj en la sagujo. Ĉio ĉi fariĝas sub libera ĉielo, meze de grandega interrilatiĝa aktiveco. Ne estas ordonoj: Veturu maldekstren! iru dekstren! Oni sin reciproke evitas, kaj ankaŭ indulgas la blindulon kaj la infaneton, kiu penege trapaŝas la vojon.

Kio nin poste frapas ĉe la Ĉinoj estas la malgranda diferenco de la tipoj. Pro tio, ke ĉiuj uzas la saman kostumon, estas same frizitaj kaj — escepte la maljunuloj — senbarbaj, la Ĉinoj aspektas al la fremdulo tiel similaj inter si, kiel unu ovo similas la alian. La Ĉino ne estas individuo; lia societemo kaj alkonformiĝo al la medio, la konstanteco de la tradicioj kaj moroj, kaj lia izoleco dum kelke da centjaroj estigis tipon samaspektan, unikan en la mondo.

Tie ni observas, ke la aktiveco de tiu ĉi densa homaro, ne nur sur la kamparo, sed ankaŭ en la urbego, plenumiĝas preskaŭ sen interfrotiĝo, kvankam la policano antaŭ ne longe estis persono nekonata, kaj la militistaro estis koncentrigita en nur malmultaj garnizonoj. De kie venas tiu ĉi memvola ordemo kaj la gaja kontenteco esprimata en la mienoj kaj la konduto de la popolo? La respondo al tiu ĉi demando estas la temo de tiu ĉi artikolo.

Ĉinio ĉefe vivas per sia terkulturado. Origine la tuta grundo apartenis al la ŝtato kaj estis cedata al la koloniistoj — ĉar la Ĉinoj enmigris en siajn nunajn sidejojn, kaj ilin iom post iom koloniigis — por ilia vivtempo en malgrandaj kaj tute egalaj parceloj, por kiuj ili pagis dekonajon. En la daŭro de la jaroj estiĝis sistemo, kiu kontentigas la kampulon, ne malprofitigante la terposedanton. Nome la farmkontrakto ne povas esti unuflanke rompata, se la luprezo estas pagita. La farmado estas des pli malpeza, ĉar la profito de la terkulturo estas tute senkompara. Ĉi tiu dependas ne nur de la produktemo de la tero, sed prefere de la grandega kapitalo de homa laboro, kiu estas investita en ĝi, kaj kiu ĉiujare regule pligrandiĝas. En la akvoriĉaj ebenajoj oni prefere kulturas rizon, la plej profita kulturo, kiu sur sama areajo kapablas nutri loĝantaron pli densan ol ĉiu alia. Sed la ĉefa mirindajo estas la legomkulturo en la proksimeco de la urboj. Tie oni povas vidi, kiel dum unu sezono la kulturisto kvin—sesfoje semas kaj rikoltas. Ankaŭ en Ĉinio veriĝas la maksimo, ke en la terkulturo plej sukcesa povas esti nur la malgranda kulturado, kaj ke la plej bonaj rezultoj akiriĝas per divido de la tero en malgrandaj parceloj.

Ĉe tia prizorgado ne estas miro, ke Ĉinio estas la plej malkara lando en la mondo. Malkaraj nutrajoj ebligas malkarajn laborfortojn, kiuj ilin supozas. Ĉi tiu cirklo estas leĝo valoranta ne nur por Ĉinio, sed por la tuta mondo, kaj kies renverson ni nun spertas en Eŭropo. En Ĉinio antaŭ ne longe laboristo kapablis nutri sin mem kaj sian familion per tri Meksikaj dolaroj (proksimume 10 Fr.) monate, kaj ne pli malbone vivis ol laboristo de la sama kategorio en Eŭropo. Saĝa leĝdonado entreprenis malaltigi la prezojn de la nutrajoj, malpermesante la eksporton de ĉiuspecaj grenoj kaj ankaŭ de la kupraj moneroj, la sola stampita mono valoranta kvaroncentimon, kiu laŭkutime difinis la prezojn en la malgranda komerco. Malkara pano kaj malgranda monunuo estas la faktoroj, kiuj determinas la malkaran laborforton, kaj la malkara laborforto estas la granda forto de Ĉinio. Sed la malkareco de la laborforto estas nur relativa kompare kun la prezo de la nutrajoj, kio estas decida por la vivteno de la laboristo, kaj ankaŭ relativa kompare kun aliaj landoj, kio en la konkura batalo signifas superecon. Oni povas aserti, ke kie ajn la Ĉinoj are fiksiĝis, neniu povis sukcese konkuri kun ili en terkulturado, metio kaj komerco. En Ĉinio la metio estas tiom grava, ke antaŭ sesdek jaroj ĝi bone kaj malkare provizis popolon de tricent milionoj per ĉiuj eĉ komplikaj kaj luksaj komercajoj. La importo de fremdaj komercajoj, se ĝi fakte konkuris kun la enlanda produktado, ne kapablis elpuŝi la metion kaj hejmindustrion. Kontraŭe, la Eŭropaj produktajoj forigis la Ĉinajn nur en la malriĉa popolklaso pro sia malkareco, dum la hejmindustrio kaj la metio, malgraŭ pli altaj prezoj, sin tenis pro sia pli bona kvalito.

Laŭ mia opinio Ĉinio estas pli vere socialigita ol Eŭropo, t. e. la Ĉinoj havas pli ol la Eŭropanoj la konon de la egalvaloreco kaj solidareco de la civitanoj kaj de ilia organa unuiĝo por reciproka kunsento kaj helpo. Tio ebliĝas nur dank' al similaj vivkondiĉoj, ĉar grandaj diferencoj en bonstato kaj vivteno malhelpas la socialigon de la societo. Ekzistas en Ĉinio nek hereda nobelaro, nek bienuloj, nek ankaŭ industriegistoj. Tiu ĉi ekonomia kaj sociala egaleco havigas al la simpla civitano sentadon de sendependeco, memfidan sintenadon tiel malproksiman de submetiĝo kiel de aroganteco. Oni ne povas imagi homon pli liberan ol la Ĉina kampulo. Li nenion timas krom la koleron de l' ĉielo, kiu povas detrui lian rikolton. La sentado de libereco ĉe la vulgarulo elvenas parte de la ekkono de l' egaleco kaj solidareco de liaj samuloj, kaj parte ankaŭ de lia envinda sendependeco de la ŝtato. La Ĉino ne konas ĝeneralan devigan militservon. Li pagas siajn impostojn tiel same altajn kiel lia patro kaj avo al la plejmaljunuloj de la vilaĝo, kiuj ilin transdonas al la estraro. La juĝejon li nur tre malofte vizitas, tial ke ĉiuj lokaj malkonsentoj estas solvataj per arbitracio, kaj la tribunaloj kelkfoje vidigas la surskribon: „Evitu la procesojn!“

[1] Oni trovas en Esperanto la radikojn *Ĥin'* kaj *Ĉin'*. Ni prefere uzas la lastan, kiu estas pli internacia laŭ la sono. (A. Chinese, F. Chinois, G. Chinese, I. Cinese, H. Chinos.) Oni rimarku, ke en tiuj lingvoj la komencaj literoj estas Ch aŭ C, elparolataj en la pli multaj kiel ĉ aŭ ŝ.

Estas certe pruvo de supera civilizo kaj mezurilo por la respekto al la rajto kaj al la sociala indulgo de la samsocianoj, ke la kolosa imperio ĝis antaŭ kelkaj jaroj estis regata sen polico. Oni imagu Eŭropan ŝtaton sen polico dum eĉ nur unu semajno! Ke malgraŭ tio okazas en Ĉinio malpli da krimoj ol ĉe ni, vidiĝas el la malgranda nombro de la ekzekutoj, kvankam la punleĝoj estas multe pli drakonaj ol la niaj, kaj multe da krimoj, kiuj ĉe ni estas punataj sen malliberigo, tie haviĝas al la kulpulo verdikton de morto. De kie do venas la mirinda fakto, ke en lando kiel Ĉinio la sendanĝereco de la vivo kaj de la posedaĵo, tiu ĉi plej elementa funkcio de l' ŝtato, estas garantiata preskaŭ sen ia kunhelpo de la registaro? Mi kredas, ke mi povas ĝin komprenigi el diversaj kaŭzoj. Unue la edukado, la hejma kaj la lerneja, estas en Ĉinio pli morala ol intelekta. La verkoj de Konfucius, el kiuj la junularo ĉerpas ĉian saĝon ĝis la dekkvara vivjaro, estas nur praktika moralfilozofio. Je la unua loko troviĝas la sentenco: „La homo estas bona", kaj ĉi tiu sentenco estas aplikata en ĉiuj eblaj varioj al la rilatoj inter gepatroj kaj infanoj, gefratoj kaj geamikoj, al la junuloj kaj al la maljunuloj, kaj fine ankaŭ al la rilatoj inter la regato kaj la suvereno. Aldone venas la fakto, ke de longatempe la ekzemploj de civitana virto estis tre respektitaj. Alia afero, kiu favore influas la publikan moralecon, estas la societaj interrilatoj, kiuj estas multe pli viglaj ol ĉe ni. Kiam du fremduloj sin renkontas, ili ĝenerale interparolas, eble nur per: „De kie vi venas?" aŭ „Ĉu vi matenmanĝis?" La malprivateco de la vivo kaj la reciproka kontrolo, kiun ĝi ebligas, sendube tre kunhelpas la moralan konduton de la civitanoj. Tria grava kaŭzo de la publika ordo estas la organizo. Ĝia fundamenta principo estas la kolektiva prirespondeco. La familia patro estas responda pri siaj domanoj, la vilaĝaj plejmaljunuloj estas respondaj pri la loĝantoj de la komunumo; en la urboj du aŭ tri neriproĉeblaj domposedantoj en ĉiu strato garantias la ordon, la gildo estas responda por siaj anoj, k. t. p. La punleĝo difinas, ke ĉe gravaj politikaj ofendoj, krom la kulpulo, estas punataj ankaŭ liaj rektaj antaŭ- kaj posteuloj. Kaj fine venas por la daŭrigo de la ordo la kunhelpo de la oficistaro.

Malgraŭ la sociala egaleco de la civitanoj, kiu en Ĉinio estas esence realigita, tamen troviĝas supera klaso, kiu klare diferenciĝas de la plimulto de la loĝantaro: la klaso de la kleruloj, speciale de la akademie diplomitaj. De tiu ĉi klaso devenas la oficistaro. Ĝi mem devenas de la popolo kaj estas funde demokrata. La ekzameno estas la sola vojo al oficoj kaj al supera rango. La alcelata scio estas pure humanista. Nur tre malgranda partô de la klerularo povas atingi superan akademian rangon, kaj eĉ pli malgranda la materian celon: la eniron en la oficistan karieron. Ne estas nur la ambicio de ĉiu literaturisto supreniri en la publika servo — kaj la demokrata sistemo permesas tiun ambicion eĉ al la plej malgrava kaj plej malriĉa homo — sed ankaŭ ĉiu urbo kaj ĉiu vilaĝo deziras, ke unu aŭ alia el ĝiaj anoj estu sukcesa. Okazas ofte, ke oni kolektas monon por ebligi al malriĉa sed inteligenta junulo veturadon al la ekzamenejo. La respekto al la klereco estas ĉe la Ĉinoj tiom granda kaj ĝenerala, ke envio kaj malfavoro kontraŭ la preferata klaso de la literaturistoj nepre malefikas.

*D-ro A. Rosthorn.*

Trad.: *A. C.*

# Evoluo de la moderna pentrarto

(Naturalismo — plenaerismo — impresionismo — punktismo — kubismo — futurismo — senobjekta pentrado — ekspresionismo[1])

En la monatoj majo kaj junio D-ro Max Deri, arthistoriisto el Berlin, faris en Leipzig serion de ses paroladoj pri la evoluo de la moderna pentrarto. Ĉiuvespere la paroladejo, entenpova proksimume 2000 personojn, estis plenplena de atentaj aŭdantoj, malgraŭ la somera varmego. Tion mi prenis kiel certan signon, ke inter la kleruloj estas granda la deziro, aŭdi aŭtoritatan fakulon pri la ofte aŭdataj kaj malofte komprenataj vortoj naturalismo, punktismo, kubismo, k. t. p.; kaj supozante, ke tiu ĉi deziro vivas ankaŭ en la legantoj de tiu ĉi gazeto, mi riskas mallonge resumi la enhavon de tiuj paroladoj, despli volonte, ĉar mi neniam ĝis nun aŭdis parolanton aŭ legis libron pri moderna arto, kiu tiom klare kaj instrue dismetis ties fadenojn ofte tre komplikite interplektitajn.

Trairante la salonojn de moderna pentraĵekspozicio ni ofte renkontas verkojn, kiuj ŝajnas al ni groteskaj, kontraŭnaturaj, absurdaj, tial malsimpatiaj, nekompreneblaj kaj malbelaj. Kelkiu rigardanto eble ankaŭ kaŝe aŭ laŭte insultis la „impertinentan fuŝpentriston", kiu riskas prezenti ion tian kiel artaĵon. Sed tiaj juĝoj baziĝas sur tute neĝusta ideo pri la beleco kaj pri la intencoj de artverko. Unue ni konstatu, ke inter la pentristaro ja eble ankaŭ estas ĉarlatanoj, kiuj per troigoj kaj artifike konstruitaj neniaĵoj intencas frapi la naivan rigardanton; sed certe la granda plimulto estas seriozaj homoj, kiuj post multaj pripensadoj kaj elprovadoj metas antaŭ niajn okulojn tion, kion suprajulo ofte kondamnas dirante, ke li ne povas kompreni ĝin. Kaj due: kio estas beleco? Ĉiu kulturperiodo respondis malsame tiun ĉi demandon; ĉiu individuo de la sama epoko havas pri ĝi sian individuan ideon; kaj eĉ la sama homo en sia maljunaĝo trovas ofte nebela tion, kion junulo li adoris. La ideo de la beleco do ne estas klarigebla per difino, taŭga por ĉiuj tempoj, personoj kaj bildoj, ĉar ĝi estas senĉese ŝanĝiĝanta. Sed tio tute ne tuŝas la demandon, ĉu iu artverko povas esti nekomprenebla. La artisto estas ja homo kiel mi, la rigardanto, kaj diferencas de la neproduktanta artkomprena homo nur per la kapablo esprimi per la krajono aŭ peniko tion, kion li vidas interne. Tial ne estas eble, ke iu pentristo povus produkti iun verkon, kiun mi, adekvata al li estaĵo, ne povus kompreni, se mi sekvas la vojojn de liaj pensoj kaj intencoj. Artverko estas ja esence homa faraĵo, elirinta el forta sento kaj celanta transmeti tiun ĉi senton al aliaj homoj. Se ĝi sukcesas perfekte transmeti tiun ĉi senton la verko estas bona laŭ la artista vidpunkto, ĉar ĝi atingis sian celon, realigis sian intencon. Se krome la sento transmetita estas por mi nova, interesa, valora, feliĉiga, mi nomas la pentraĵon bela — laŭ mia tute persona vidpunkto.

Tiu ĉi teoria ekskurso estis necesa, por detrui la antaŭjuĝon, kelkloke eĉ la timon je la moderna pentrarto, kiuj estas malutilaj tiel same por la publiko, kiu sekve de malĝustaj vidpunktoj malhavas multe da ĝuo, kiel por la modernaj artistoj, suferantaj pro la nekompreno de siaj ideoj kaj intencoj. Kaj nun al la historia evoluo.

En la 19a jarcento montriĝas sufiĉe klare kvar periodoj en la evoluo de la pentrarto: 1800—1825 la klasikismo (J. L. David, Carstens, Cornelius); 1825—1850 la romantikismo (Delacroix, Cornelius, Rethel); 1850—1875 la objektiva naturalismo (Courbet, Menzel, Manet, Leibl); 1875—1890 la subjektiva naturalismo (Monet, Degas, Liebermann).

[1] Ĉi-tiuj esprimoj, el kiuj kelkaj ĝis nun laŭ mia scio ne estas uzitaj jam en la senco, kiun ili havas en tiu ĉi artikolo, klariĝos per la sekvanta traktado.

Naturalismo estas tiu arto, kiu pentras la naturon tia, kia ĝi estas. La pentristo naturalisma ne kunmetas la objektojn laŭ iaj principoj de tradicia beleco; li nenion aliigas, nek aldonante, nek forlasante, nek plibeligante detalajojn eble malbelajn laŭ la vidpunkto de la klasikistoj. Tiu ĉi naturalismo povas esti objektiva aŭ subjektiva. La objektiva naturalismo reproduktas la objektojn tiaj, kiajn vidas ilin *ĉiu* rigardanto *kiam ajn* li rigardos ilin. La individueco de la artisto ne fariĝis ankoraŭ la ĉefa principo. Leibl ekzemple pentris unu el siaj verkoj dum tri jaroj ĉiutage ok horojn, kaj multmilfoje rigardante siajn modelojn ĝis la lasta kvadratmilimetro, li faris kopiaĵon de la naturo tiom perfektan, ke oni trovas sur tiaj bildoj eĉ tekserarojn en la vestoj de l' homoj.

Tio aliiĝis, kiam la artistoj kun siaj iloj iris el la ĉambro al la naturo mem kaj tie en la libera plena aero (plenaerismo!) rigardis kaj pentris la objektojn. Sub la libera ĉielo la koloroj multfoje ŝanĝiĝas dum unu tago; ĉiu nubo, la diverseco de la atmosfero, la pli-malpli intensa lumo prezentas ĉiam alian efekton, tiel ke Manet pentris la saman fojnamason dekfoje dum unu tago, kaj ĉiu bildo fariĝis alia. La delikateco de la kolordiferencoj estis por tiuj artistoj tiom grava, ke ili tute malatentis la „intereson" de siaj objektoj. Disrompita ĉareto aŭ iu ajn kriple kreskinta arbetaĵo estis por ili same pentrindaj kiel homvizaĝo aŭ la ondanta maro. Similan individuigon kaj diferencigon ni trovas en la sama tempo sur la kampo de la literaturo ekzemple ĉe Huysmans kaj Peter Altenberg, sur la muzika kampo ĉe Debussy kaj Busoni. Per tiu ĉi maniero la okuloj de tiuj artistoj fariĝis tiom sentemaj, ke iliaj bildoj fine estis tutaĵo de milmiloj da plej delikataj kolordiferencoj, kiuj por la okulo de ordinara homo ne plu estis diskoneblaj; kaj tial ekzemple la famaj Themse-bildoj de Monet estas ŝajne nur miksaĵo de farbmakuletoj, kiuj preskaŭ plene detruas la konturojn de la objektoj.

Aliaj artistoj atentis la formojn de la naturo pli ol la kolorojn. Ili ekkonis, ke la pentristo, se li volas fari bildon vere laŭnaturan, povas fiksi el la kinematografe ŝanĝiĝantaj aspektoj de moviĝanta objekto la impreson de nur *unu* momento (impresionismo!); kaj ĉar en tiu ĉi momento la okulo vidas klare nur tiun parton de la tutaĵo, al kiu ĝi rekte estas fiksita, la flankaj partoj povas nur supraje esti perceptataj kaj tial nur skize reproduktataj. Tial sur la ĉiekonata pentraĵo de Manet: „Ĉevalvetkurado en Longchamps" estas zorge pentritaj nur la du aŭ tri ĵokeoj meze de la bildo. Sur ilin la rigardanta pentristo direktis siajn okulojn en la momento, kiam la rajdantoj preterflugis; la flankaj arboj, la publiko, la detalaĵoj de la vetkurejo, la fundo kaj la tuta ĉirkaŭa pejzaĝo aperis nur malklare sur la randoj de la retino kaj tial estas pentritaj nur per skizaj strioj kaj farbmakuloj. La saman principon oni povas studi per la pentraĵoj de Degas, kiu prenis prefere siajn modelojn el la baletistinoj sur la teatroscenejo. Oni rigardu ekz. lian pentraĵon: „La malleviĝanta kurteno!"

Pluirante sur tiu ĉi vojo la artistoj venis tien, ke ili nur per malmultaj linioj donis la impresojn perceptitajn de siaj okuloj. Sur la bildo: „La polio-ludantoj" (de Liebermann) la homoj kaj ĉevaloj ne estas desegnitaj laŭ anatomia ĝusteco; sed nur kelkaj karakterizaj linioj, ŝiritaj el la impreso de centona sekundo, reproduktas la pozicion de la figuroj en la fiksita momento. Malĝuste oni riproĉis tiujn naturalistojn, ke ili ne sciis desegni kaj pentri, ĉar iliaj bildoj ŝajnas malklaraj kaj fragmentaj. Ĝuste en tio evidentiĝas iliaj eminentaj povoj. Ĉar certe estas pli facile, pentri dum tagoj kaj jaroj objekton, kiu dum la tuta laboro staras senmove, ol fiksi per fluganta peniko la impreson de rapidege preterpasanta momento.

Ĉirkaŭ je la jaro 1900 la subjektiva naturalismo estis atinginta la ekstremon de la evoluo ne plu transireblan. La nuanciĝo de la koloroj, la momenteco de la fiksitaj pozicioj ne povis esti pligrandigataj, ĉar la homa okulo estis ĉe la limo de sia vidkapablo. La bildoj montris la objektojn kvazaŭ disfluintaj, dissolviĝintaj en maro da kolornuancoj, kaj ricevis per tiu ion molan, nedifineblan, kiu daŭre ne povis interesi la artamantojn, kiuj aĉetas pentraĵojn por ornami per ili siajn loĝejojn aŭ galeriojn. Tial venis la reakcio. Ĉar estas fakto, ke kontraŭe al la historio de la sciencoj, kiu evoluas seninterrompe, la evoluo de la arthistorio ofte faras saltojn de unu ekstremo al alia. La estetika sento, trosatigita de la sammanieraj produktaĵoj dum jardekoj, serĉas novajn incitojn kaj trovas ilin plej forte en verkoj baziĝantaj sur rekte kontraŭaj principoj. La sopiro de la tiama tempo estis: fortikeco de la formoj, klareco de la koloroj. Oni volis vidi bildojn, kiuj anstataŭ miksiĝantaj kolornuancoj kaj fragmentaj impresoj montras objektojn kun klaraj konturoj kaj koloroj. Tion oni penis atingi sur diversaj vojoj.

Unu grupo de pentristoj kolektis la disfluantajn kolorojn de la naturalista periodo al punktoj (punktismo!) kaj makuletoj el puraj, plejeble nemiksitaj farboj. Ili kvazaŭ mozaike konstruis siajn bildojn, metante punkton apud punkto kaj lasante al la okulo la taskon kunigi vidi tiuj punktetojn, kaj tiamaniere dum la rigardado oni mem devas perlabori la efikon, intencitan de la artisto.

Alia grupo estis ankoraŭ multe pli radikala. Elirante de la vortoj de Cézanne, ke ĉiuj formoj en la naturo estas rekondukeblaj al regulaj geometriaj korpoj, al la kubo (kubismo!), cilindro, konuso, sfero, tiuj artistoj efektive riskis konstrui ekz. homan kapon el tiaj plejmulte rektlinie randataj korpoj. Estas evidente, ke tio estas troigo de principo enhavanta ion veran; kaj hodiaŭ oni jam ne ŝatus pendigi tian bildon en sia ĉambro. Sed tiutempe la kuraĝa kaj plena reakcio kontraŭ la tromoleco de la ĝis tiam pentritaj bildoj estis grandega progreso.

Aliaj artistoj provis pluevolui la rezultatojn de tiuj naturalistoj, kiuj estis penintaj kapti momentan moviĝimpreson. Tiamaniere oni venis al la futurismo kaj al la senobjekta pentrado. La futuristoj konkludis jene: Ĉiu bildo, prezentanta moviĝantajn objektojn aŭ iun ajn okazaĵon, estas pentrita laŭ memoro; kaj tiel la plej efektiva naturalismo estas fundamenta eraro, eĉ trompo. Ĉar en la momento, kiam en Longchamps la rajdistoj preterflugis la okulojn de Manet, li ja ne povis ilin fiksi sur la pentrotolo. Tion li faris nur poste, reproduktante en si la kaptitan impreson kaj pentrante ĝin laŭ la memoro. Tiun ĉi fakton la futuristoj prenis kiel principon de sia arto, kiun oni bone povas signi per la vortoj: laŭmemora pentrado. Ili eĉ ne kontentiĝis pentri nur unu memoraĵon sur unu bildo, sed riskis kunigi inter la sama kadro kelkajn bildojn senpere starantajn unu apud la alia. Ili intencis tiel imiti la staton de la animo, kiu ankaŭ retenas el okazaĵo nur kelkajn restaĵojn, kelkajn momentojn, kiuj hazarde impresiĝis pli forte ol mil aliaj, neatentite preterpasintaj antaŭ la okulo. D-ro Deri montris lumbilde pentraĵon, sur kiu artisto pentris la okazaĵojn de vespero, kiun li travivis kun sia amatino. Kiam oni analizas la unuarigarde ĥaosan impreson de la tutaĵo, oni ekkonas la vizaĝon de la fraŭlino, jen el antaŭe viditan; la belforman manon, kiun la pentristo vidis kuŝanta sur la marmora tableto de la kafejo; la veturigiston kaj la du ĉevalojn de la droŝko, en kiu li veturis hejmen kun ŝi; la policiston, kiun li vidis staranta apud lanternkolono k. t. p.

Oni ekkonas, ke tia arto postulas sufiĉan pensokombinon, ĝis oni ĝin komprenas. Kaj tiu estas ankoraŭ pli altgrade necesa antaŭ la verkoj de la senobjekta pentrado, kiu forĵetas el la bildo ĉiujn objektojn kaj volas esprimi sentojn per nuraj linioj leviĝantaj kaj malleviĝantaj, paralelaj kaj diverĝantaj, rektaj, kurbaj kaj rompitaj.

Sed la kvar laste nomitaj pentromanieroj estis pli-malpli efemeraj. Ili serĉis vojojn al nova arto, sed ne atingis atentindan celon. Sendepende de ili laboris du grandaj majstroj, kies kapabloj forlasis la lambastonojn de iuj ajn „ismoj“, sed kun natura instinkto trovis la ĝustan direkton al nova, alta arto: Cézanne kaj van Gogh.

Cézanne, la malmulte klera vilaĝano kun la peza mano, per ĉiuj fortoj deturnis sin de la naturalismo. Oni komparu iun lian pejzaĝon ekz. kun „la kaŝtanarbo“ de Renoir! Li klare konstruas siajn bildojn; la kapoj videble havas ostojn kaj ne estas nuraj aglomerajoj de farbmakuloj; sur liaj pejzaĝoj oni vidas ree akrajn randojn de la tegmentoj, fortikajn murojn, klare desegnitan perspektivon. Rilate al al koloroj li imitis la klasikulon El Greco; kaj lia devizo: „Ekzistas nur kontrastoj“ estas lia batalkrio kontraŭ la arto de la nuancoj, de la plej subtilaj kolordiferencoj, kiun ni nomis plenaerismo. Ne analizado de la kolorimpreso, sed plisimpligo, rekonduko al la naturaj koloroj de la objektoj estis lia celo.

Tamen Cézanne estas ankoraŭ malproksima de la lasta evolupunkto de la moderna pentrarto: la ekspresionismo. Ties esenca trajto estas la transformado de naturaj formoj, por plejforte esprimi tiun senton; kaj ĝi kredinde asertas, ke en la arto ĉiu tia transformado estas permesita, se ĝi estas necesa, por plej efike veki en la rigardanto tiun senton. Cézanne zorgis, ke tiuj formoj perdiĝintaj en la epoko de la naturalismo estis retrovataj; van Gogh estas la unua, kiu riskas transformi ilin en la servo de la esprimotaj siaj ideoj. Li ne pentras la naturon tia, kia ĝi estas, sed kia li estus farinta ĝin, se li estus estinta la kreanto de la mondo. Lia nerva temperamento pli kaj pli forkondukis lin de la naturkopiado laŭ liaj vortoj: „Unue oni komencas sensukcese turmenti sin por sekvi la naturon; kaj oni finas, trankvile ĉerpante el sia paletro, kaj el tio sekvas la naturo“.

La plenumanto de la sopiro al nova, alta arto fariĝis Ferdinand Hodler. Lia verkaro estas la plej matura ĝis nun frukto de la ekspresionismo. En la evoluo de la pentristo Hodler oni klare povas ekkoni, kiel li dum 20 jaroj trakuris la ĝeneralan evoluon de sia arto, daŭrintan 60 – 70 jarojn. Komencante en la maniero de la objektiva naturalismo, li elprovis per propraj pentrajoj la plenaerismon kaj impresionismon, progresis al la stilo de Cézanne; kaj pli kaj pli intensigante la esprimfortojn de siaj bildoj, li venis al la unua sia esence ekspresionista verko: „La elektitulo (Der Auserwählte)“, en kiu por la ekvivo de geniulo li trovis la grandan formulon malproksiman de la reala natureco, sed des pli sentsaturitan, simbolan kaj ĝeneralan. Estus vana peno, se ĉi tie, precipe sen helpo de bonaj bildreproduktajoj, mi volus doni enkondukon en tiun riĉan verkaron. Nur per unu ekzemplo mi volas prove montri, kiamaniere la ekspresionisto Hodler perceptis kaj prilaboris siajn temojn.

La urbo Hannover mendis bildon, kies titolo estu „La reformacio“. Alia artisto estus pentrinta verŝajne iun detalajon el tiu revolucio de la spiritoj: Luther, fiksanta la 95 tezojn al la kastelpreĝejo en Wittenberg, aŭ Luther antaŭ Karlo V[a] en Worms k. t. p. Hodler kontraŭe serĉas la ĝeneralan senton, vivintan en la reformacio; kaj li trovas ĝin en la unuanimeco, per kiu la popoloj akceptis la ideojn de la reformatoroj, elkondukontajn ilin el la tiama religia mizero. Kaj kiel li sukcesas pentri tiun ĉi ĝeneralan ideon? Li starigas sur horizontalan ebenon en unu fronto 40 — 50 virojn, starantajn unu apud la alia kiel nepenetrebla muro; kaj ĉiu el ili faras la saman geston: ĉiu levas vertikale la dekstran brakon, tiel ke vera palisaro, formita el brakoj, simbole esprimas la sumigitan volon de la individuoj, fariĝintaj unu kompleksa tutaĵo. Kaj antaŭ ili, sur simpla podio, staras li, kiu transigas sian volon al la amaso sub si: homo, laŭ siaj trajtoj kaj vestoj unu el la amaso, sed alten levita super ilin de sia entuziasmo, kiu esprimiĝas per impona gesto, kvazaŭ li volus malsupren de la ĉielo ŝiri la novan veron. Tiamaniere estiĝis bildo, kies radikoj ne sidas en la historiaj detalajoj, sed kiu kaptis la kondukantan en tiu tempo ideon kaj tial estas superhistoria, vera kaj eterna.

Por krei tiajn esprimofortajn verkojn videble estas necese, ke la pentristo estu ne nur teknikisto, kiu scias observi la naturon kaj miksi farbojn, sed ke unuavice li estu spirite eminenta homo. Ni esperu, ke la estonta tempo donos al ni generacion de tiaj homoj, kiuj el sia interno elfluigos grandverkojn, kiuj levos nin, la malpli de l'sorto favoritajn, alten super la mizerojn de la ĉiutaga vivo.

*Paul Bennemann.*

---

# ✿ NOTOJ ✿

.˙. **Nova instituto por internacia alproksimiĝo.** — Antaŭ kelka tempo fondiĝis en Hago instituto por internacia spirita alproksimiĝo, sub la nomo „The Pacific World Union“ (Paca Monda Unuiĝo). Partoprenis en la fondado aro da diverslandaj intelektuloj, amikoj de la paca movado. En la programo de tiu unuiĝo ni legas, ke ĝi ne celas burokratigon de la pacifista ideo, sed vivantan interŝanĝadon de pensoj de homoj al homoj. Por tiu celo ĝi eldonas semajnan gazeton en tri lingvoj, starigos telegrafan servon kaj internacian presarĥivojn. Ĝi ankaŭ per speciala instituto penos influi la junularon favore al la internacia alproksimiĝo.

.˙. **Internacia komerca Instituto.** — Laŭ decido de la internacia parlamenta konferenco, estas kreita en Bruselo Internacia komerca Instituto, kiu celas centrigi, kunordigi, publikigi kaj konigi la informojn pri statistiko, komerca leĝaro kaj komercaj traktatoj. Por tio ĝi kreos du internaciajn oficejojn: unu havos la taskon starigi statistikon pri la importajoj kaj eksportajoj, pri asekuroj, havenmovado, martransportoj, k. t. p.; la alia sin okupos pri la traduko kaj publikigo de la diversŝtataj komercaj leĝoj kaj komercaj traktatoj.

.˙. **Telefonaj interparoloj kun aerŝipo.** — La Germana societo por senfadena telegrafio komunikas, ke post parolado pri senfadena telefonio de grafo Arco (de la societo por senfadena telegrafio) dum la kunveno de la unuiĝo de ĉiuj elektraj fabrikoj en Nürnberg la telefona stacio en Nürnberg alvokis senfadene la stacion troviĝantan en la aerŝipo „Bodensee“. Oni seninterrompe telefonis ĝis kiam la aerŝipo flugis super Plauen en Vogtland, je distanco de 140 kilometroj. Tiu telefonado estis la unua senfadena, inter terstacio kaj fluganta aerveturilo de tiom granda distanco. Kvankam la senfadena telefonio jam estas malnova ĝi nur nuntempe progresis pro la uzado de la tiel nomataj katodotuboj.

Momente la praktika valoro de la nova eltrovo estas jena, ke inter la aerŝipa gvidanto kaj la stacio dum malmulte da sekundoj oni povas aranĝi interkompreniĝon; alimaniere la malkomforta senfadena telegrafio postulas pli multe da tempo. Sed ĉi tiu eksperimento havos ankoraŭ pli gravan signifon pro la fakto, ke en interurbaj telefonejoj la ekzistantaj fadenoj povas esti uzotaj tiamaniere, ke unu fadeno povas servi por tri interparoladoj.

.˙. **La plej grandaj pumpiloj en la mondo.** — En la Nederlanda Politeknika Gazeto ĉefinĝeniero S-ro J. Kooper, skribis pri la elektra senakvigo de la poldro[1] „Electra“ en la provinco Groningen kaj pri la tie aplikataj plej grandaj pumpiloj en la mondo, kiuj estas fabrikataj en Nederlando. Por tiu grava laboro, kiu kostos

[1] Poldro (Nederlande: polder), lando, kiu estas ĉirkaŭata de digoj kaj kiu kuŝas sub la marnivelo, do devas esti senakvigata per pumpiloj.

proksimume 3 milionojn da guldenoj (laŭ kurzo 48 : 6,250,000 Svisaj frankoj) oni intencas realigi pli bonan defluon al la Lauwerzee (maro inter Nord-Orienta Nederlando kaj Nord-Okcidenta Germanio) el proksimume 94,000 ha da grundoj, apartenantaj al la Groningaj poldro-landoj „Westerkwartier“ kaj „Hunsingo“ kaj al parto de la provinco Drente. Tiujn ĉi pumpilojn liveris Fratoj Stork kaj K-io en Hengelo, kaj ili estas movataj de Heemaf-aj trifazaj motoroj. Ĉiu el ili devas levi ne malpli ol 950 m³ da akvo ĉiun minuton je 0,8 ĝis 1,3 m da alto. Kiam poste 5 pumpiloj estos instalitaj, tiam ili povos kune elĵeti proksimume 80 m³ en ĉiu sekundo; jen kvanto da akvo, kiu dumsomere igus fiera riveron kiel la Maas (Meuse) en Limburg. La dimensioj de la pumpiloj estas proporciaj al ilia kapablo. La ekstera diametro de la padelrado mezuras 3,55 m, la plej malgranda diametro de la elipsaj en- kaj elflutruoj estas 4,5 m. Ĉiu pumpilo kun en- kaj elspiraj tuboj pezas proksimume 60,000 kg kaj estas movata pere de dentrada transmisiilo de trifaza motoro de 550 ĉevalfortoj. La nun instalota pumpopotenco estas 4,1 milionoj da m³ dum 24 horoj, sed tre verŝajne ĝi poste devos esti pligrandigata. En tiu ĉi aŭtuno oni esperas ekfunkciigi la pumpilaron. — *J. R. G. J.*

.˙. **La transigo de la elektra energio tra la atmosfero.** — Io tute nova ĝi ne estas, ĉar la principo jam estis utiligita de la fama Itala inĝeniero Marconi por la radiotelefonio kaj la radiotelegrafio. Sed la transigo de elektra energio tra la atmosfero estas ankoraŭ nur en la studperiodo; ĝiaj praktikaj aplikoj povos esti eksterordinare gravaj.

Nicolas Tesla, unu el la plej spertaj Amerikaj sciencistoj ĉi-fake, estas tre optimista rilate la baldaŭan praktikan aplikadon. Li lastatempe elmontris grandiozan planon por la elektrigo de la atmosfero. Li opinias, ke oni povos, en ne tre malfrua epoko, funkciigi la fabrikejojn kaj la helicojn de la ŝipoj kaj aeroplanoj sur la tuta terglobo per radiadoj transigitaj de kelkaj elektraj dissendejoj. Tiuj centraj dissendejoj havus eksterordinaran forton, ĝis nun neatingitan. Unu el ili estus ĉe la Niagara-riverfalo, kiu, ankoraŭ grandparte neutiligita, povus facile aldoni 7 milionojn da ĉevalfortoj al sia produktado. Alia dissendejo estus starigata ĉe la rivero Patava, en Angla Gujano. Riverfalo alta 270 metrojn devus liveri energion da du milionoj da ĉevalfortoj. Aliaj similaj dissendejoj estus starigataj sur ambaŭ kontinentoj. Grandega kvanto de ricevejoj, dissemataj sur la tuta tero, absorbus la elektran energion sendatan de la centrejoj, kaj ĝin uzus por la plej diversaj celoj.

Oni eble opinios, ke la energio-perdo estos grandega, ĉar la radiadoj disirus al ĉiuj direktoj kaj nur malgranda parto estus kaptata de la ricevejoj. Laŭ Tesla tiu rezonado ne estas ĝusta. La radiadoj povos esti ekzakte direktataj al unu punkto, kaj oni povus movi ilin kiel la lumturajn radiojn. La perdo estus do malgrava. Aliparte, dank' al speciala mekanika konstruo, analoga al tiu, laŭ kiu ferŝranko povas esti malŝlosata nur per certa ŝlosilo, la energio povus esti ricevata de aparatoj speciale konstruitaj, tiel ke la samregionaj ricevejoj ne povus absorbi la elektran energion de la dissendejoj.

Tiam plenumiĝos nekredeblaĵoj. Ĉu ni povas imagi la multajn maŝinojn de niaj fabrikejoj funkciantaj sen motoro, sen elektraj kondukiloj, vaporŝipon sen kaldronego, kies helicoj ekturniĝus nur dank' al la ricevaparato, aeroplanon sen cilindro, nek benzino? Tia progreso estus la plej mirinda apliko de tiu potenca kaj mistera forto, kia estas la elektro. Ĉu ni vidos tiajn mirindaĵojn?

.˙. **La bonfaroj de la civilizo.** — La Nederlanda revuo de sociala higieno anoncas, ke la indiĝenaro de la insulo Nova Sud-Gvineo estas malaperanta. De aprilo 1914 ĝis majo 1919, la mortado de la loĝantaro atingis 390 ĝis 450 po mil, laŭ la distriktoj. La cifero de la naskiĝoj estas tiel malgranda, ke oni povas ĝin malatenti.

La ĉefa kaŭzo de tiu malapero estas la sifiliso, kiu estis importita al Nova Gvineo, kiam la lando estis ekvizitata de la fremduloj.

---

# ✱ LITERATURO ✱

## La ekzemplo

De **Frédéric Boutet**

Frédéric Boutet estas nuntempa Franca novelisto, kunlaboranta en diversaj jurnaloj.

„Dudu, kara knabeto, ni devas serioze paroli kun vi ... Ne, ne faru tian rezignacian mienon; vi scias tre bone, kion mi volas diri ... Via lasta lerneja atesto estis malbonega. Vi tute ne plu laboras ... Vi multe ĉagrenas nin ... La mallaboremo estas honto ... Ni dorlotas vin, mi ja bone scias, sed saĝa infano ne misuzas tian bonecon ... Pensu do, Dudu, ke vi havas pli ol dekunu jarojn. Estas la aĝo, kiam ekaperas la karaktero, kiam formiĝas la kapabloj, kiam la laborado estas la plej necesa ... Ĉu ne, mia kara Suzanne?“

Sinjoro Plautin sin estis turninta kontraŭ la edzino. Ŝi aprobis, kaj li reprenis sian paroladon, kiun li faris starante, apogita je la kameno de la salono.

Dudu staris firme, manojn en la poŝo, kontraŭ la patro kaj aŭdis kun multe da graveco. Li tute similis la patron, kun sia aspekto komforta kaj bonfarta. Li ĉiam estis dorlotita de la patro, kiu, jam frue vidviĝinte, akceptis ĉiujn liajn kapricojn. Kaj ankoraŭ pli karesata li estis de kiam S-ro Plautin edziĝis kun juna, bonkora kaj dolĉa virino, kies ĉefa zorgo estis gajni la amon de la infano. Tial, kiam ŝi ŝajnis aprobi la riproĉojn al li faritajn, li direktis al ŝi rigardon indignan. Do, ŝi perfidis lian aferon?

Intertempe S-ro Plautin finis la admonon per belaspekta sentenco: „Vidu, oni devas labori. Ĉiu homo estas sur la tero por labori. Laborante, oni estas feliĉa, oni estas libera. Neniam forgesu tion, mia kara infano; oni devas labori! ...

Post ioma silento Dudu, la okulojn fiksitajn al la patro, demandis kun indiferenta tono, kiel informisto:

„Vi laboras, vi?“

S-ro Plautin estis konsternata. Dum kelkaj momentoj li serĉis sian respondon. Certe, liaj tagoj estis bone plenigataj: matene promeno en la urba arbaro, aŭ leciono de skermado ne tro laciga, pro la sano. Posttagmeze la nigra kafo kun legado de la jurnaloj, kelkaj komisioj, kelkaj plezuresploroj ĉe la antikvajistoj, poste la kartludo en la klubo, kaj fine, la vesperon, la teatro, aŭ iu invito, aŭ kion li ofte preferis: kelkaj horoj de nenionfarado kaj intimeco en la hejmo, tute trankvile, en pantofloj. Sed ĉio tio, klarigata, ne estis la necesa ekzemplo de laborema aktiveco. Li aŭtoritate respondis:

„Mia kara Dudu, nenio estas pli ridinda ol infanoj senpripense demandantaj. Se mi klarigus detale miajn okupojn, vi tamen nenion komprenus. Kiam mi estos dirinta, ke mi administras mian havaĵon, ke mi estas membro de pluraj societoj, interesiĝas pri artaferoj kaj okupas min pri politikaj problemoj, kion plian vi scias?“

Dudu, vivanta bildo de skeptikeco, silentis. Suzanne bonkore alkuris helpi la edzon:

„Kaj plie, mia amiko, estas ankaŭ la fabriko, kiun vi forgesas!“

Estis vere. De deko da jaroj S-ro Plautin havis kapitalon en fabriko fondita de unu el liaj lernejaj kamaradoj, inĝeniero malriĉa, sed inteligenta kaj komercema. La sukcesplena entrepreno ne donis al S-ro Plautin alian penon ol enpoŝigi lian parton el la profitoj.

„Kompreneble, la fabriko!“ li ekkriis. „Mi ne parolis pri ĝi, ĉar mi supozis Dudu sufiĉe inteligenta, ke li mem observis kiom multe la fabriko min okupigas!“

„Ah“, diris Dudu, tute simple.

„Kaj nun, sufiĉas“, diris la patro, kiu ekkoleriĝis. „Mi ripetas, ke vi devas labori, ĉar estas tiel! — Cetere, iru lavi la manojn, estas tempo vespermanĝi.“

Dudu obeis, nenion dirante; sed lia silento, lia tenado, la formo de la rigida dorseto, kiu moviĝis al la pordo, esprimis, pli bone ol iuj paroloj, kiom dubema li restis.

„Mi timas, ke tiu infano fariĝos malpli inteligenta. Devas esti la komenco de la krizo de kreskado", observis pripense S-ro Plautin, kiam li estis sola kun Suzanne.

Kun peno la juna edzino haltigis eksplodon de rido kaj respondis nenion. Li perdiĝis en novaj pripensoj, kiuj per zorgo sulkigis lian frunton, kutime sennuban, de bona homo kontenta ekzisti.

La saman vesperon, en la saloneto, kie ili kuniĝis post la manĝo, Dudu maldiligente studis iun taskon proksime de la gepatroj — S-ro Plautin parolante montris siajn konojn pri arto, okaze de du statuetoj aĉetitaj la antaŭan tagon. Poste, anstataŭ daŭrigi la paroladon aŭ foliumi ilustritajn ĵurnalojn, li alportis kun pompo brakplenon da historiaj verkoj kaj enprofundiĝis en ili, direktante de tempo al tempo ŝtelrigardon al Dudu. Sed ĉio en Dudu, kiu ne moviĝante lernis sian versaĵon, esprimis la plej malkuraĝigan mankon de kredo.

S-ro Plautin havis fortan konscion pri sia patra devo; plie, tute kaŝite, lia memestimo estis pikita. La sekvantan tagon, estis dimanĉo, li leviĝis frue kaj trapaŝis tre okupite la tutan loĝejon. Je la tagmanĝo li faris multajn aludojn je negocoj gravaj, sed iom malklaraj. Kaj solene li konigis, ke lundon li devos iri al la fabriko.

Li iris, efektive. La asociinto estis mirigita, ĉar S-ro Plautin, kiu lin ofte invitis al manĝo en sia hejmo, neniam kutimis iri en la fabrikon, kaj ankoraŭ pli li miris aŭdinte, kiel S-ro Plautin parolis kun embaraso pri la aferoj kaj la laboro, kiun ili kaŭzas. Momente li supozis iun subitan kaj ofendan malfidon, sed estis ja tiel neverŝajne, ke li forpuŝis tiun penson. Fine, kiam S-ro Plautin, tiel dirite por pasigi la tempon, proponis al li sian helpon, li staris miregigata.

„Helpi al mi? Je kio? Kial? Kio vin prenas? Ĉio ja rulas kiel sur radetoj, kaj mi ne bezonas vin, mia bonulo! Al ĉiu sia rolo. Mia vivo, mia plezuro, estas labori. La via estas ... nun estas ... resti trankvila. Per unu sola ago vi ja faris al mi ĉiujn eblajn servojn; sen via kapitalo mi ne estus povinta ion entrepreni ... Cetere, se vi insistas, iru rigardi la metiistojn ĉe la nova fabrikparto konstruata. Sed ne alparolu ilin, he! ili tro rapide vidus, ke vi komprenas nenion ... Ne sufiĉas?? Vi estas malsatigebla. Nun, jus malsaniĝis mia sekretario. Prenu tiujn farotajn adiciojn. Realportu ilin post kvar aŭ kvin tagoj. Sed kredu, estas ne amuze!"

S-ro Plautin, ravite, ricevis pakaĵon da paperaĵoj, iris ĉe la konstruistoj, faletis super la bretegoj kaj fiere revenis kun gipsmakuloj. La saman vesperon, sidante kontraŭ Dudu, kiu baraktis pri problemo, li parade disvolvis sur la tablo siajn paperojn kovratajn per ciferoj.

Kia mizero! La adicioj similis al la senfineco. La pensoj de S-ro Plautin perdiĝis, konfuziĝis, malaperis la konscio pri la atingota rezulto. Li ne plu sciis kion reteni, nek kion noti, kaj, kiam li skribis ciferon, li sentis ĝin certe erara. Jen la sola fakto, pri kiu li ne dubis. Timego lin sufokis, ĉar ne plu temis nur impresi la filon, temis ankaŭ ne fariĝi ridinda en la okuloj de lia asociinto, se li prezentos fuŝlaboron aŭ konfesos, ke ĝi superas liajn kapablojn. Li penegis du plenajn horojn, tiel ke lia edzino, pro kompato, venis lin helpi. Sed baldaŭ ŝi kvazaŭ freneziĝis pro tiuj adicioj kaj same perdiĝis en la ciferoj, sen taŭga rezulto. Dudu estis trankvile fininta sian taskon.

Post tri tagoj teruraj, S-ro Plautin, je la fino de siaj fortoj, komisiis la kalkulojn al librotenisto, kiu ilin faris kvazaŭ ludante. Tiel lia honoro rilate la asociinton estis savita, kaj la proksima libertempo donis pretekston ne peti plian laboron. Li havis sufiĉe kaj diris kun decida tono al Suzanne:

„Certe, post la reveno, ni metos Dudu kiel internulon en lian liceon. Estos bone por li en ĉiuj rilatoj. La ekzemplo de la aliaj lin igos labori!"

Trad.: *Ed. Stettler.*

---

# Belsazer

De **Heinrich Heine**

*Forpasis preskaŭ de l' nokt' la duono,*
*Silente kuŝis en dorm' Babilono.*

*Nur supre en la reĝa kastelo:*
*Ankoraŭ bruo kaj luma helo.*

*En reĝa halo kun pompa soleno*
*Belsazer sidis ĉe reĝa festeno.*

*En longaj vicoj liaj vasaloj*
*Trinkadis vinon el brilaj pokaloj.*

*Pokaloj eksonis, la gastoj kriaĉis,*
*Jen kio al reĝo diboĉa ekplaĉis.*

*Purpure brilas de l' reĝ' la vizaĝo,*
*Pro vino lin kaptis petola kuraĝo.*

*Kaj blinda pasio pluen lin ŝiras,*
*Kaj li blasfemas, krimvortojn eldiras;*

*Kaj fanfaronas, blasfemas sovaĝe,*
*La sekvantaro konsentas kriaĉe.*

*Mansignas la reĝo, li ion deziras:*
*Paĝio alkuras kaj reen iras.*

*Surkape li portas vazaron el oro*
*Rabitan el templa — Jehova — trezoro.*

*La reĝo kaptas kun krima inklino*
*Pokalon sanktan plenan je vino.*

*Kaj trinkas ĝisfunde, avide, diboĉe,*
*Kun ŝaŭma buŝo li krias laŭtvoĉe:*

*„Jehovo! Mokegon al via trono,*
*Mi estas la reĝo de Babilono!"*

*Ellasis la lipoj la kriman blasfemon:*
*La reĝo sentas misteran korpremon.*

*Ekĉesis en tiu sama momento*
*La tranĉa rido, ekregis silento.*

*Kaj jen, kaj jen! sur blanka la muro*
*Aperis skribo en fajra purpuro.*

*Sur blanka la muro jen ekaperis*
*Literoj el fajro, jen malaperis.*

*La reĝo sidis okule sensaĝa,*
*Genutremante kaj palvizaĝa.*

*La sekvantaron kaptis teruro,*
*Ĝi ne moviĝis, ekĉesis murmuro.*

*La magiistoj saĝaj alvenis,*
*La fajroskribon neniu komprenis.*

*En tiu sama nokt' la festanoj*
*La reĝon murdis*[1] *per siaj manoj.*

Trad.: *Zanoni.*

[1] *Murdi* (A: murder, G: morden, F: tuer) = intence mortigi; neologismo enkondukita de P. Bennemann en „Gyges kaj lia ringo". *(Rim. de l' trad.)*

---

 ESPERANTISMO 

# Al niaj legantoj

Pro la granda plikariĝo de la papero kaj de la presado, ni estas devigataj, por eviti tro gravajn perdojn, plialtigi de nun la abonprezon, kiel cetere jam faris de longe la ĉiulandaj gazetoj. Kvankam la nombro de la abonantoj kreskis dum ĉi tiu jaro, estus al ni neeble daŭrigi la eldonadon laŭ la ĝisnunaj kondiĉoj. La novaj abonprezoj estas la minimumo por ke nia entrepreno povu normale ekzisti, se ĉiuj abonantoj restas al ni fidelaj. La eldonado de „Esperanto" tute ne estas komerca afero; gajnon ni ne celas, sed nur vivadon sen tro granda deficito. Se estonte ni sukcesos transformi la deficiton en profiton, ni uzos ĝin por pligrandigi kaj plibonigi la gazeton.

De januaro, ne plu ekzistos diferenco inter la ordinara kaj la tiel nomata „luksa" eldono. Ni aperigos nur unu eldonon, sur bona papero, tiel ke ĉiu povu oportune konservi kaj bindi la gazeton, kiu restos la plej kompleta dokumento pri la vivo de nia movado.

En la estonto, ekzistos du specoj de abonoj:

*a) Por ne-membroj de UEA*, jare *Fr. 10* (vidu sube la nacian prezon), pagotaj senpere al la administrejo de „Esperanto" aŭ al ĝia reprezentanto.

*b) Por personoj dezirantaj esti abonantoj kaj membroj de UEA*, ni kreis, konforme al la decido voĉdonita de la Delegitoj, kategorion de membroj-abonantoj je Fr. 12.50 (vidu sube la nacian prezon), pagotaj en unu fojo al la loka Delegito de UEA aŭ, kie ne estas, al la Centra Oficejo. (Personoj dezirantaj speciale monhelpi la asocion kaj la gazeton povas fariĝi membroj-subtenantoj pagante Fr. 25 anstataŭ Fr. 12.50).

La pli multaj el niaj abonantoj jam estas membroj de UEA. Ĝis nun ili devis pagi la kotizaĵon kaj la abonon aparte, plej ofte al malsamaj adresoj, kio ne estis praktika; aliparte, la abono estis same kara por membroj kiel por ne-membroj. De nun, ĉiu povos pagi samtempe kaj al la Delegito la sumon necesan por esti membro kaj regule ricevi la gazeton; tiel agante oni ĝuos pli malaltan prezon (Fr. 12.50 anstataŭ Fr. 10 + 5), favoros la Delegiton, kiu ricevas 10 % por ĉiu kotizaĵo de membro-abonanto, kaj plifaciligos nian administradon. Ni do esperas, ke la granda plimulto de niaj abonantoj profitos tiun kombinon.

Rilate la transiron al la nova sistemo oni bonvolu atenti pri la jenaj rimarkoj:

De nun, por plifaciligi la administradon, ĉiuj abonoj komenciĝos de la 1. januaro. Personoj, kiuj abonos post tiu dato, ricevos la aperintajn numerojn.

*Por la abonantoj, kies abono finiĝas en decembro 1919 aŭ januaro 1920*, la transiro al la nova sistemo estas facila:

Kiu deziras esti *nur abonanto*, sen aliĝo al UEA, sendu al nia administrejo aŭ al nia reprezentanto, en la landoj, kie ni havas tian, la sumon sube fiksitan, kiun ni egalvalorigas je 10 Fr. Svisaj.

Kiu deziras esti *abonanto kaj membro de UEA*, pagu al la Delegito de sia loko, aŭ, se ne estas, al nia administrejo, la sumon sube fiksitan, kiun ni egalvalorigas je 12.50 Fr. Svisaj. Ni tre petas, ke, kie tio estas ebla, oni bonvolu pagi al la Delegito, por ke li havu la kontrolon de la membroj kaj ne perdu la procentaĵon, kiun li rajtas.

*La personoj, kies abono finiĝas post januaro 1920*, ricevos de nia administrejo kreditigilon. La sumon sur ĝi enskribitan ili deprenos el sia pago por 1920, do el la abonprezo de Fr. 10, se ili deziras esti nur abonantoj, aŭ el la kotizaĵo de Fr. 12.50, se ili ankaŭ deziras esti membroj de UEA.

Fine, *kiu ne deziras reaboni*, informu nin post ricevo de la avizo pri finiĝo de sia abono.

* * *

Ni tre esperas, ke malgraŭ la plikariĝo, trudita de la cirkonstancoj, ĉiuj ĝisnunaj abonantoj bonvolos resti fidelaj al „Esperanto", ĉar ili komprenas, kiom necesa al la Esperanto-movado estas la ekzisto de internacia gazeto, kia estas la nia.

Dum 1919 ni jam efektivigis diversajn plibonigojn en la enhavo. Ni daŭrigos dum la venonta jaro aperigi nian gazeton regule kun *minimume* 20 paĝoj monate. La jara kolekto formos do belan bindeblan 240-paĝan volumon, kun plej diversaj bonstilaj legaĵoj kaj multaj utilaj informoj. La realigo de novaj plibonigoj, ekzemple la pligrandigo de la paĝonombro aŭ eĉ la duonmonata apero, dependas de la fervoro, kun kiu niaj ĝisnunaj legantoj respondos nian alvokon kaj varbos al nia gazeto novajn abonantojn. Se anstataŭ havi nur du mil kaj kelkajn abonantojn, „Esperanto" havus kvin mil, ĝi povus aperi duonmonate kaj samamplekse, sen plialtigo de la prezo, kaj se ĝi havus dek mil, ĝi povus aperi ĉiusemajne je la sama prezo kiel nun monate . . . Ĉu tio ne montras, ke niaj progresoj estas antaŭ ĉio problemo pri nombro?

Kiu tion komprenas, agu!

*Abonprezoj en nacia mono.*

Pro la nunaj grandaj kurzdiferencoj ni devis fiksi la prezon de la abonoj en nacia mono. Oni rimarkos, ke ni kalkulis la kurzojn tre favore al niaj abonantoj, tiel ke fakte ni ricevos plej ofte multe malpli ol 12.50 kaj 10 Fr. Svisaj. Komparante la diverslandajn sumojn, oni konstatos, ke ili ne ekzakte respondas al la oficialaj kurzoj, nek al la rilatoj, kiuj ekzistas inter ili. Ni estis devigataj tiel agi por ne peti monsumon tiel altan, ke ĝi forigus parton de la ĝisnunaj abonantoj. Ni devis nin adapti al la enlandaj kondiĉoj kaj, je la malprofito de nia kaso, atenti pri la pagokapabloj de niaj abonantoj en la landoj ekonomie plej suferintaj de la milito. Ni tre esperas, ke la abonantoj el landoj kun ciferoj ŝajnantaj tro altaj konstatos nian bonvolon indulgi ilin, kaj ke tiuj el landoj pli riĉaj ne plendos, se ni de ili postulas relative pli multe. Kompreneble ni ankaŭ danke akceptos ĉiujn pagojn laŭ la plena Svisa valoro.

| Lando | Abono | Abono-membreco | Lando | Abono | Abono-membreco |
|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio / Hungario . | 60 Kr. | 75 Kr. | Hispanio . . | 10 P. | 12.50 P. |
| | | | Italio . . . | 14 L. | 17.50 L. |
| Belgio / Francio . . | 12 Fr. | 15 Fr. | Nederlando . | 5 G. | 6.25 G. |
| | | | Pollo . . . | 24 Mk. | 30 Mk. |
| Britio . . . | 8/- | 10/- | Skandinavaj | | |
| Ĉeĥoslovakio. | 24 Kr. | 30 Kr. | landoj . . | 7 Kr. | 8.75 Kr. |
| Finnlando . . | 20 Mk. | 25 Mk. | Svisio . . . | 10 Fr. | 12.50 Fr. |
| Germanio . | 24 Mk. | 30 Mk. | Usono . . | 2 D. | 2.50 D. |

Landoj ne notitaj supre pagu laŭ la Svisa kurzo. Pri orientaj landoj ne notitaj (ekz. Bulgario, Estonio, Letonio, k. a.) oni antaŭe demandu nin.

# Inter ni

*La interna ideo de Esperantismo estis la vivcelo de D-ro Zamenhof. Mortinte li lasis al ni ĉiuj sian taskon kiel heredaĵon kaj devon. Ĉe la diversaj kongresoj, en Bulonjo, en Ĝenevo, en Cambridge, li klarigis, ke ne ĉiuj Esperantistoj estas devigataj ŝati tiun ideon kaj labori por ĝi, sed ke por li ĝi estis la ĉefa afero.*

*„Se nin, la unuajn batalantojn por Esperanto, oni devigos, ke ni evitu en nia agado ĉion idean, ni indigne disŝiros kaj bruligos ĉion, kion ni skribis por Esperanto, ni*

*neniigos kun doloro la laborojn kaj oferojn de nia tuta vivo, ni forjetos malproksimen la verdan stelon, kiu sidas sur nia brusto . . .“*

*Tiel li parolis en aŭgusto 1906. Ĉar la propagandaj Esperanto-societoj restis ĉefe naciaj kaj celis plej ofte nur disvastigi la lingvon ne enmiksante la „internacian ideon“, tial estis necesa en nia movado ia nova organizajo internacia por starigi la revitan neŭtralan fundamenton inter amikoj de l' Zamenhofa celo.*

*Kun tiu intenco fondiĝis UEA en 1908. Laŭ sia statuto ĝi ja celas (art. 1, § 4): „Ellabori neŭtralan organizan fundamenton, super kiu ĉiuj progresemaj homoj povos pace interkomunikiĝadi sen reciproka altrudo de siaj gentaj apartajoj.“ Tio ĉi precize estas la tuta programo de nia Majstro. Por realigi la „internan ideon“, necese estis ne nur paroloj, sed ankaŭ faktoj, ĉiutagaj okazoj de interkomunikiĝado. Tial UEA kreis la utilan servaron per la Delegitoj, kies solidara sindono helpas homojn servi unuj la aliajn kaj tiel konatiĝi per amikaj rilatoj.*

*Se UEA estus komerca entrepreno, ĝi postulus pagon por ĉiu servo kaj la Delegitoj ne laborus kiel homfratoj, sed kiel gajnemaj agentoj. La tuta spirito de la afero estus malsama. Al komerco UEA povas tre utili, kial ne? Komerco estas ja potenca ligilo inter popoloj, sed la tuta programo de la Asocio superas ĉiun specialan servon kaj celas ion multe pli altan.*

*Kion ne povis fari naciaj societoj, tion entreprenis UEA. Ĝi estas la ligo de tiuj Esperantistoj, kiuj deziras labori por la „interna ideo“. En aliajn societojn povas eniĝi iu ajn, eĉ malamema ŝovinisto, se li nur aprobas Esperanton kiel utilan lingvon. Al UEA rajtas aliĝi nur progresemaj homoj, kiuj akceptas ĝian statutan celon. Tie kuŝas la tuta forto de l' Asocio, ĉar ĝi tiel fariĝis la kerno mem de nia movado.*

*Edmond Privat.*

# ESPERANTO-KONGRESOJ

## Bulgara Esperantista Kongreso

La 24 aŭgusto okazis en Sofia la jarkunveno de la Bulgara Esp. Societo. Ĉeestita de ĉ. 100 Esp-istoj el Sofia kaj el la provinco, ĝi aspektis kiel vera kongreso. La granda aŭditorio de la Universitato estis bele ornamita; antaŭ la pordo flirtis du grandaj Esp. flagoj, kiuj altiris ĉies atenton.

La kongreson malfermis parolado de S-ro S. Petkov, kiu honoris la memoron de D-ro Zamenhof kaj de la falintoj dum la milito. Post tio unuanime estis elektita S-ro G. Aktarĝiev kiel prez. de l' kongreso. Multaj telegramoj de l' provinco estis tralegitaj kaj diversaj demandoj pridiskutitaj.

La raporton pri la agado de l' societo oni akceptis aklame. Estis elektita nova komitato konsistanta el: Simeon Petkov, St. Minkov, G. Atanasov, P. Kolev, R. Bojaĝiev, M. Georgiev kaj G. Gaŝevski.

Posttagmeze S-ro At. D. Atanasov parolis pri la propagando de Esp. en la estinteco, estanteco kaj estonteco, la sekretario S-ro St. Minkov pri Socialismo kaj Esperanto, rekomendante pli viglan propagandon, por ke Esp. fariĝu la 4a oficiala lingvo de la Internacio. Estis elmontrita ankaŭ la neceso por pli intensa laboro por la fortigo de l' B. E. S., kiu jam kalkulas pli ol 420 membrojn. Oni priparolis la redakton de l' societa organo „Bulgara Esperantisto“ kaj decidis klopodi ĉe la Ministerio de l' publika instruado kaj tiu de l' komerco pri la enkonduko de Esp. kiel laŭvola instruajo en la lernejojn, kaj precipe en la komercajn kai profesiajn lernejojn.

La kongreso decidis ankaŭ saluti per UEA en Bern la tutmondan Esp-istaron kaj deziri pli bonan interkonatiĝon per Esp. de l' diversaj popoloj en la mondo por evito de estontaj militoj, ĉar pro la neebleco sin interkompreni mem, ili sin fordonis al homoj, kiuj ilin entrenis, pro siaj personaj interesoj, en tiun teruran buĉadon.

La ĉefurba gazetaro tre favore raportis pri la kongreso.

*J. H. K.*

## Jara kunveno de la Svisa Esperanta Societo

La ĝenerala kunveno de la Svisa Esperanta Societo okazis la 28 septembro en Luzern, sub la prezido de S-ro D-ro Schacht. Ĉeestis ĉirkaŭ 40 personoj el la tri lingvaj regionoj de la lando; du trionoj de la membroj estis reprezentitaj per rajtigitaj delegitoj. La kunveno aprobis kun kelkaj modifoj la novan statuton, decidis elekti ĉiujare ĉefgrupon kaj plialtigi la kotizajon. La ĉefa kaj pli longa diskutado rilatis la gazeton „Svisa Espero“. Oni decidis transdoni la aferon al speciala komisiono, kiu solvos la malfacilan taskon vivigi la gazeton en bonaj financaj kondiĉoj. S-ro Ed. Privat kun sia kutima talento faris bonegan paroladon, kiu vekis esperon je grava disvastigo de nia lingvo.

*R. R.*

# KRONIKO

La komunikoj por la kroniko estu sendataj ĉiumonate *antaŭ la 20a*. On bonvolu ilin redakti kiel eble plej koncize.

Mallongigoj uzataj: *Esp.* = Esperanto; *Esp-isto* = Esperantisto; *L. I.* = lingvo internacia; *prez.* = prezidanto; *vicprez.* = vicprezidanto; *sekr.* = sekretario; *kas.* = kasisto; *rev.* = revizoro; *bibl.* = bibliotekisto; *l.* = lernanto; *m.* = membro; *p.* = persono.

### Aŭstrio.

*Krems:* S-ro Meŝtan aranĝis feston okaze de la kursfiniĝo. — *St. Jakob-Breitenau:* Parolado de S-ro Schinnerl. — *Wien:* Societo „Fideleco“ aranĝis kursojn. Gazeto „Turistický Obzor“ redaktata de nia samideano A. Stratil regule publikigas artikolojn pri Esp.

### Belgio.

*Gent:* En septembro la grupo „La Progreso“ jarkunvenis; oni elektis novan estraron. Ĝia organo „Nia Folieto“ havas muzikan aldonon „Nova Sono“ de M. Somerling, muziko de V. Hendricx. Kursoj. — *Verviers:* Grupo „Inter ni“ aranĝos por la 21—23 novembro Esp. ekspozicion, por kiu oni sendu Esp-aĵojn al S-ro Pirnay-Demez, 28—30, rue Biollez.

### Britio.

*Aberdeen:* Grupanoj faris agrablan ekskurson. — *Burnley:* La grupo dissendas ekzempleron de „Esp. in the School“ al ĉiu kandidato en la novembra balotado por urbaj konsilantoj, kun la peto legi kaj respondi al la demando „ĉu li promesos subteni la proponon enkonduki Esp. en la lernejojn“. — *Edinburgh:* Amuzvespero, plenigita per legado kaj muziko. Esp. budo en la kongresa ekspozicio de la Skota Eduka Instituto — *Sheffield:* S-ro Merchant paroladis kun sukceso.

### Ĉeĥoslovakio.

*Červeny Kostelec:* Fondiĝis „Esp. Unuiĝo, prez. S-ino Keyzlarová. Paroladis F-ino Ŝupichová. Kurso estas aranĝata. — *Pastrum:* Landligo de Germanaj Esp. Societoj en Bohemio ree laboras sub prezido de S-ro Scholze kaj aranĝis paroladojn kaj kursojn en 30 urboj. — *Praha:* Infana gazeto publikigas Esp. rubrikon, gvidatan de F-ino Ŝupichová. En la tri ĉefaj stacidomoj la „Rondeto de Esp-istinoj“ metis Esp. informafiŝojn.

### Finnlando.

*Laihia:* Du ĉefaj gazetoj aperas kun Esp. angulo, redaktita de S-roj Salokannel kaj Pukkila.

## Francio.

*Lyon:* Tre bona artikolo pri la komercaj servoj de Esp. kaj de UEA aperis en la „Journal de la Foire". — *Paris:* Okazis ĉe la Centra Oficejo konferenco, en kiu partoprenis konataj Parizaj Esp-istoj kaj ankaŭ S-ro Warden, prez. de B. E. A., kaj S-ro M. C. Butler, sekretario de B. E. A. Oni interŝanĝis ideojn pri restarigo de la lingvaj kaj kongresaj institucioj kaj diskutis pri la reorganizo de la Franca Esp. movado. Estas vigla propagando en laboristaj rondoj dank' al la gazeto „Le Travailleur Espérantiste". En oktobro multaj novaj kursoj malfermiĝos.

## Germanio.

*Auerbach i. V.:* Kurso, 30 p. — *Berlin:* La ĉie legata ĵurnalo „Deutsche Post" enhavas artikolon de S-ro Schinkel el Leipzig. — *Breslau:* Esp. ekspozicio dum septembro; oni aranĝis feston „Esp. kaj arto", dum kiu estis prezentataj Esp. kantoj kaj deklamaĵoj per unuarangaj artistoj. Kurso post parolado de S-ro Mielert antaŭ „Katolika Instruistina Unuiĝo". — *Bromberg:* Prof. Michling paroladis interesplene antaŭ 500 p. — *Cassel:* Laborista grupo aranĝis propagandan vesperon kun ekspozicio. Kurso. — *Chemnitz:* Ekspozicio. Kursoj por senlaboruloj. — *Dresden:* „Progreso" faris ekskurson en Saksa Svisio, 35 p. — *Düsseldorf:* Laborista Esp. movado sukcesas; 3 kursoj. — *Eisenach:* Vesperfeston vizitis 150 p. — *Forst:* Fondiĝis grupo. Kursoj aranĝotaj. La gazetaro dufoje semajne raportas pri la movado. — *Frankfurt:* Samideanoj el Frankfurt kaj Offenbach vizitis la blindulejon, kie ilin surprizis Esp. ĥoro de blindaj geknaboj, parolado de S-ro Vogt kaj deklamaĵoj. Sendu Esp-aĵojn por blinduloj al S-ro Urban, Frankfurt a. M., Adlerflychstrasse 8! — *Greifswald:* Du kursoj aranĝataj de popola altlernejo. — *Hannover:* Fondiĝis „Esp.-Propaganda Zentrale", dir. S-ro Dederich. — *Leipzig:* Dek kursoj projektataj. — *Offenbach:* La 23 novembro okazas la unua postmilita ligotago de la Okcident-Germanaj Esp.-societoj. Kursoj. Laborista grupo restariĝis. Laboristaj Esp-istoj instruis 85 p. en policejo kaj 22 p. en Esp-ejo. — *Schönberg:* S-ro Tutsch paroladis. Kurso kun 40 p. — *Stolberg* (Rheinl.): Post kurso fondiĝis rondo. — *Worms:* Paroladis S-ro Pfaff. Gazetaro favora.

## Hispanio.

*Barcelona:* Kvar kursoj. — *Huesca:* Kurso aranĝota; loka gazeto publikigas serion de artikoloj pri Esp. — *Manresa:* Kurso. — *Tarrasa:* Kursoj, kiuj estis anoncitaj per lumbildoj en kinematografejoj. Loka ĵurnalo aperigis artikolon pri „Esp. kaj komerco".

## Jugoslavio.

*Zagreb:* Esp. vigle progresas. Fondiĝis laborista societo „La Espero". Malfermiĝis kursoj por laboristoj, 80 p.

## Italio.

*Bologna:* Kursoj ĉe la knaboskoltoj. — *Genova:* „Corriere Mercantile" enhavas artikolojn pri Esp.

## Nederlando.

*Groningen:* Paroladis S-ro Barkema antaŭ Junula Abstinula Ligo kaj Studenta Loĝio de la Ordeno de Bontemplanoj. — *Wormerveer:* En ekspozicio pri komerco kaj industrio Esp. estis prezentita.

## Norvegio.

*Bergen:* Societo „La Espero" restariĝis. Kursoj. — *Kristiania:* Fondiĝis akcia societo Esp.-eldonejo „Agado", kiu celas servi al Norvegaj Esp-istoj per presado de presaĵoj kaj ankaŭ per distribuado de Esp. literaturo. Akcioj je 10 kronoj ĉe Stensrud, Thorschauggt 4/II, Kristiania.

## Polio.

*Lodz:* Kursoj por laboristoj. Okazis sukcesa ĝardenfesto. Aliaj kursoj aranĝataj. Ĉiusemajne „Esp. angulo", redaktata de S-ro Zimmermann en „Neue Lodzer Zeitung". — *Radom:* Movado vigliĝis. — *Varsovio:* Pola Esp. Societo havis jarkunvenon. Esp. ligo kaj komerca agentejo refondiĝis.

## Portugalio.

*Lisbono:* Novaj laboristaj societoj: „Fratiga Stelo" kaj „Esp-ista Flegisto", kiuj aranĝis kursojn. Komerca lernejo havas multajn Esp. lernantojn. „O Socialista" aperigas Esp. fakon, redaktatan de S-ro Barreira.

## Svedio.

*Lakkegaten:* Dujara instruado al knabinoj de popollernejo bone sukcesis. — *Skane:* S-ro Backman paroladis. Li esperas havigi por 20 skoltoj senpagan vojaĝon al Anglio. — *Stockholm:* „Studiekamraten" enhavas longajn artikolojn pri Esp., redaktatajn de S-ro Johnne. Post diskuto pri L. I. dum kongreso de metallaboristoj S. E. F. disdonis broŝuron „Esp. eller Ido" kaj venis petoj aranĝi kursojn por infanoj kaj en la jundemokrata klubo. Kurso en la laborista kleriga asocio. — *Sysslebäck:* Fondiĝis klubo „La Espero".

## Svisio.

*Genève:* S-ino Nadeĵda Umanski komencas trian kurson. — *Lausanne:* Paroladis D-ro Edmond Privat al socialistaj kluboj „Juneco" en Lausanne kaj Renens. Poste fondiĝis socialista Esp.-grupo; al ĝi aliĝis 22 m. D-ro Privat faras kurson. Favoraj kaj oftaj artikoloj kaj notoj en la ĵurnalo „Le Droit du Peuple". — *Rorschach:* Loka gazeto enhavas artikoletojn pri Esp.

## Malgrand-Azio.

*Aidin:* Depost la okupo per la Grekoj sekcio Esp. estas organizata en la tuta regiono. — *Smyrna:* Fondiĝis „Helena Esp.-Grupo". Dum patriota festo de la Greka literatura klubo „Homero" paroladis S-ro Joannidès kaj aranĝis kursojn. Esp. kantoj kaj paroladoj estis dum vespera ekskurso de skoltoj.

## Persio.

*Kasbin:* Tri kursoj.

## Siberio.

*Barnaul:* Pastro Seriŝev eldonis propagandfoliojn kaj broŝurojn pri Esp. — *Blagoveŝĉensk:* Kurso por 30 militkaptitoj. — *Irkutsk:* Vigla movado. Finiĝis du kursoj kaj ekspozicio bone vizitita. En tendaro de Aŭstraj militkaptitaj oficiroj bone funkcias Esp. societo, en alia por Hungaroj estas kurso. — *Nikolsk-Usurisko:* En la tiea militkaptitejo fondiĝis unuiĝo kun 200 m., kiu eldonas gazeton manskribitan. Ekzistas kvar konstantaj kursoj. Mankas legaĵoj kaj informoj pri la movado depost 18 monatoj. Precipe bezonaj estas vortaroj, gramatikoj en Germana, Turka kaj Hungara, propagandiloj, gazetoj, k. t. p. Sendu! — *Omsk:* Multnombre vizitata kurso.

## Argentino.

*Rosarino:* Fondiĝis Esp. Ligo, kiu vigle propagandas. Kurso, 50 p. Paroladis S-roj Gomis, Sellarés kaj Feroni.

## Usono.

*New York:* En privataj lernejoj estas instruata Esp. Precipe la Bahaanoj aranĝis multe da paroladoj faritaj de S-roj Klajin, Vilaseca kaj Carten. S-ro Ledoux ĉie propagandas. Paroladoj ĉe la socialistoj. Kurso. S-roj Morton kaj Powell starigis komercan komitaton. — *San Francisco:* „Journal of Electricity" enhavas grandan Esp. rubrikon.

## Nov-Zelando.

*Auckland:* S-ro Charles H. Parker kondukas kurson, 32 p. La gazeto „Auckland Labour News" publikigas ĉiumonate Esp. notojn.

# DIVERSAĴOJ

∴ **Esperanto kaj laboristoj.** — En *Francio.* Dum la jara kongreso de la Franca Labor-Konfederacio (unuiĝo de ĉiuj Francaj sindikatoj, 1600 sindikatoj kaj 2 milionoj da sindikatanoj) en Lyon, estis unuanime voĉdonita la jena deziresprimo:

„La Kongreso,

„Konsiderante la gravecon kaj urĝecon de la demando pri L. I.,

„Memorigas la deziresprimon unuanime voĉdonitan de la Konfederacia Kongreso en Le Havre (1912) favore al Esperanto,

„Instigas ĉiujn sindikatanojn lerni Esperanton, kaj la sindikatojn kaj unuiĝojn de sindikatoj organizi ties instruadon,

„Komisias la Konfederacian Komitaton proponi Esperanton al la sindikata Internacio kaj peti la enskribon de tiu demando en la diskutaĵojn de la proksima internacia kongreso."

Tiu sukceso de Esperanto montras, ke laboristaj rondoj, kiuj sin deklaras internaciemaj, ekkomprenas la necesecon de Esperanto por vivigi iliajn internaciajn organizaĵojn, kaj naski en la cerboj kaj en la koroj ideojn kaj sentojn vere internaciajn.

Dum tiu kongreso petskribo al la Rusa registaro por la enkonduko de Esperanto en la lernejojn ricevis en kelkaj horoj 800 subskribojn. Multaj kongresanoj montris sian intereson pri nia movado.

Alilandaj laboristoj bonvolu diskonigi la supran deziresprimon en siaj organizaĵoj.

.˙. **Esperanto kaj socialistoj.** — *Portugalio:* La nacia socialista kongreso unuanime aprobis la raporton pri L. I. jam akceptitan de la sudportugala soc. kongreso. Ĝi esprimis la deziron, ke la Portugalaj socialistaj organizaĵoj elektu du aŭ pli el siaj membroj, kiuj lernos Esp. kaj ĝin poste instruos al siaj kamaradoj. Ĝi ankaŭ petis, ke la registaro enkonduku la instruon de Esp. en la laborborsaj lernejoj kaj laboristaj komunumoj. Ĉiulandaj socialistoj skribu al R. do Bemformoso, 150, Lisbono.

.˙. **Esperanto kaj komerco.** — *Francio:* Kiel en 1917 kaj en 1918, la Esp.-Oficejo de Lyon, direktata de S-ino Farges, organizis je la nomo de UEA ĉe la aŭtuna kunveno de la Foiro de Lyon propagandan ekspozicion (budo 13, grupo 52), kiun vizitis centoj da komercistoj kaj industriistoj el ĉiuj landoj. La dokumentoj pri la servoj de UEA precipe por turismo kaj komerco tre impresis la publikon. Simila ekspozicio estos organizata ĉe ĉiuj kunvenoj (printempa: 1—15 marto, kaj aŭtuna: 1—11 oktobro) de la Foiro. La komercistoj kaj industriistoj, anoj de UEA, estas petataj sendi al la Esp. Oficejo de Lyon specimenojn de Esp. katalogoj kaj prospektoj kaj ankaŭ disdonotajn reklamilojn en nacia lingvo (speciale en Franca), kiuj informas, ke ilia firmo uzas Esperanton kaj UEA. La Foiro de Lyon aliĝis kiel Esperantia Entrepreno. Ĉiu aliĝonto aŭ vizitonto de la Foiro, skribante al la Komitato de la Foiro, sin rekomendu per UEA, kaj samtempe informu pri siaj intencoj la Del. en Lyon, S-ron Poncet, en la Esperanto-Oficejo, 36, rue Victor Hugo, kiu, kun siaj helpantoj, faros ĉion eblan por faciligi kaj pliprofitigi ilian entreprenon.

*Polio:* Ni jam anoncis la fondon de Pola komitato por komuna komerca lingvo. Tiu komitato sin turnas al la ĉiulandaj samideanoj kun la peto alsendi al ĝi la nomojn kaj adresojn de ĉiuj Esp. firmoj. Ĝi ankaŭ tre deziras havi en gravaj komercaj centroj reprezentantojn, kies celo estus prizorgi por Polaj firmoj ofertojn kaj ankaŭ fari tradukojn de Esp. korespondaĵoj ricevotaj de neesp. firmoj. Interesuloj skribu al S-ro I. Ĥimoviĉ, 90, Dluga, Lodz.

.˙. **Deka Universala Kongreso de Esperanto.** — La Loka Organiza Komitato de la Deka petas nin presigi la jenan komunikaĵon:

„Per cirkulero de aprilo 1919 ni sciigis, ke la sumoj senditaj al la Deka Kongreso por mendoj estas repagotaj al la kongresanoj post malpliigo por la elspezoj faritaj de la diversaj agentejoj. Post nova ekzameno de la demando kaj esploro de la kalkuloj ni konsideris, ke ni povis uzi la renton de la kapitalo, kiun ni havis je nia dispono dum la militperiodo, por repagi la diritajn monsumojn sen ia dekalkulo kaj preni sur nin la sendelspezojn de la dokumentoj kaj poŝtmandatoj. Ni ankaŭ pridiskutis la demandon pri monŝanĝo kaj decidis, ĉar la pagoj estas faritaj al la kaso de la kongreso per frankoj, ke ni ankaŭ repagos per frankoj. La kongresanoj, kiuj intencas oferdoni tute aŭ parte al la kongresa kaso aŭ al la Franca Societo por propagando de Esperanto la sumon al ili ŝuldatan, bonvolu sciigi nin pri sia intenco. Ni petas la kongresanojn ĉiam memorigi la numeron de ilia kongresa karto." — Loka organiza komitato, 51, rue de Clichy, Paris.

.˙. **Honorigo al Doktoro Zamenhof.** — En N-roj 228—229 de „Esperanto" ni anoncis, ke la urba konsilantaro de la urbo Bialystok, naskiĝoloko de nia Majstro, kaj de la urbo Manlleu en Katalunio decidis doni al unu el la urbostratoj la nomon Zamenhof. Ni estas informitaj, ke post unuhora diskutado, ofte malfacila, la urba konsilantaro de la granda Pola urbo Lodz alprenis la saman decidon. Ni gratulas!

.˙. **Esperanto kaj religio.** — La Brita Eklezia Esperantista Ligo komencis eldoni serion de Esperantaj verkoj pri ekleziaj temoj. Ĵus aperis, kiel unua verko, la unua kajero de la „Libro de komuna preĝo", kiu enhavas la jenajn ĉapitrojn: Ordo de matena preĝo, ordo de vespera preĝo, ĉe matena preĝo, la litanio. (Prezo: 3 ŝ. 6 p. Sin turni: Farnley Tyas Vicarage, Huddersfield.) Aliaj kajeroj sekvos. Ĉar en Britio ofte okazas Esperantaj Diservoj, tiu libreto prezentas ankaŭ praktikan utilecon.

## TRA LA LIBRARO

**Religio kaj Scienco,** *laŭ la lumo de la Bahaja Rivelaĵo,* de *J. E. Esselemont, M. B.* 30 paĝoj, 12 × 18 cm. Prezo: 6 pencoj. Havebla de la Brita Esperantista Asocio, 17, Hart Street, London, W. C. 1

Tiu studo celas montri, kiel la nova religio Bahaismo povas, laŭ la aŭtoro, harmoniigi Religion kaj Sciencon; principoj, idealo kaj moralo de Bahaismo, kiel tiuj de l' aliaj religioj, estas laŭdindaj, sed ĉu vere tiuj kredoj havas ion ajn sciencan? Tio estas dirita, sed ne pruvita. La kredantoj ĝenerale imagas sciencon akordigeblan kun sia kredo, sed ĉu ĝi estas vera scienco? Ne estas ĉi tie taŭga loko por tion diskuti; tio estus alia historio, kiel diras Kipling.

La komprenebleco kaj lingvokorekteco de l' verketo estas tiel bonaj, kiel la intencoj de l' verkinto; tamen riproĉebla estas uzo de „sia" en la frazo:

„Se la homo akceptas ian kredon aŭ doktrinon, kiu aŭ malakordiĝas kun sia rezono aŭ estas preter sia kompreno, li agas laŭ superstiĉo, ne laŭ vera fido."

Ĉu tiun frazon, celantan, en la teksto, la adeptojn de l' nunaj religioj, oni permesos al mi diri por klarigi, kial persone, kaj eble aliaj kun mi, malfacile aliĝos al Bahaismo.

**La plus forte garantie de la Société des nations** — *Une langue internationale, M. Rollet de l'Isle.* Centra Esperantista Oficejo, 51, rue de Clichy, Paris. 16 paĝoj, 13 × 21 cm. Prezo: 0.60 Fr.

Tiu franclingva broŝuro, verkita antaŭ la militfino, montras per trafa rezonado, kiel la Ligo de l' Nacioj havas la devon faciligi la internaciajn rilatojn kaj la disvastiĝon de l' ideoj pri homrajto, justeco, libereco, kondiĉoj de ĝia ekzistado. La malhelpo de l' lingvaj baroj estas foriginda, kaj ties sola jam preta rimedo estas lingvo internacia sufiĉe facila por esti ĉies sciaĵo. Esperanto plenumas tiun postulon kaj fariĝos unu el la plej firmaj ŝtonoj, sur kiu stariĝos la ankoraŭ ŝanceliĝanta konstruaĵo de l' naciara unuiĝo.

La serioza studo de S-ro Rollet de l'Isle provizas niajn franclingvajn samideanojn per bonega nuntempa varbilo.

**Kion volas la Komunistoj.** *Béla Kun.* Laŭ la tria Hungara eldono. Eldono de la Popolkomisariejo por Publikinstruado, Budapest. 32 paĝoj, 15 × 23 cm. Prezo: 2.50 Fr.

Neniu povas pli bone ol la famigita aŭtoro difini la celon kaj agadon de l' Rusaj aŭ Hungaraj komunistoj, t. e bolŝevistoj. Eĉ se oni ne simpatias kun tiu partio, oni estos danka al Hungaraj samideanoj, ke ilia influo estis sufiĉe forta por instigi regantaron al Esperantaj oficialaj eldonoj permesantaj al ĉiulandaj legantoj pli ĝuste koni ideojn ofte tendence aliigitajn de naciaj gazetoj. Esperanto, servante al ĉiuj opinioj senpartie, ludas sian rolon.

La stilo de l' broŝuro estas tre energia kaj ĝenerale ankaŭ tute komprenebla; tamen kelkaloke frazoj estas unualege ne tuj klaraj; tio devenas ĉu de manko de punktsignoj, ĉu de tro oftaj komplikaj ne necesaj inversoj. Novaj specialaj vortoj estis bezonataj, sed ne bone estas enkonduki „demokracio, legalizi" anstataŭ la jam uzitaj „demokratio, legitimi".

**La ekonomia unueco de Hungario,** verkis *D-ro Ladislao Buday*, tradukis *Rafaelo Bartal.* 16 paĝoj, 15×23 cm. Prezo: 1.25 Fr.

Tiuj paĝoj, skribitaj antaŭ la Hungara revolucio, estas tamen aktualaj pro la fikso de novaj limoj por tiu lando. Ili celas montri, ke pro la geografiaj kaj ekonomiaj karakteroj de l' Danuba ebenaĵo, politika disigo inter Hungararo kaj la aliaj gentoj antaŭe kun ĝi alligitaj estus malprofitiga por la unua kiel por la lastaj.

La rimarkoj faritaj pri la lingvo de l' antaŭa samdevena broŝuro ankaŭ valoras por ĉi tiu; vortoj kiel „municipio" (komunumo), „kvintalo" (50 kilogramoj) ne tre plaĉas; se „koheri" estas uzebla ekster fiziko, oni almenaŭ ne uzu samtempe „kohezio"; unu radiko sufiĉas. *G. S.*

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Plifaciligi per Esperanto la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter diverslandanoj. Disvastigi la uzadon de la lingvo Esperanto. Krei internaciajn praktikajn servojn por turistoj, komercistoj, studentoj, junuloj, virinoj, k.a.*
**Membrorajtoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn, parolajn aŭ skribajn, de la Delegitoj kaj uzi ĉiujn servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron. (Provizora adresaro aperis dum 1919.)*

**Voĉdonado pri la novaj kotizajoj.** — Jen la protokolo pri la konstato de la voĉdonado de UEA pri la novaj kotizaĵoj:

„La subskribintaj membroj de la Berna Esperanto Grupo certigas, ke ili kunvenis sabaton 18 oktobro 1919 je 3 h ptm. en la C. O. de UEA. Oni pruvis al ili laŭ la aktoj, ke estis forsenditaj 552 voĉdoniloj al la Delegitoj la 23 septembro kaj unu plia la 30 septembro, laŭ kondiĉo *b)* de la cirkulero.

„La sumo de la forsenditaj voĉdoniloj estas do 553 kaj la absoluta plimulto 277.

„La subskribintoj ricevis la alvenintajn voĉdonilojn en ŝnurita kaj sigelita kesto. Rompinte la sigelon, ili trovis 292 kovertojn, kiuj ĉiuj enhavis voĉdonilon. Neniu voĉdonilo nevalora troviĝis.

„La rezultato estas: *Jes*: 284
*Ne*: 8

„Ĉar la absoluta plimulto estas atingita, *la proponoj de la Komitato estas jam nun firme akceptitaj.*"

Bern, la 18 oktobro 1919.

Subskribis:
*R. Bolliger*, Del.; F-ino *J. Notz*; *E. Hediger*.

Ni rememorigas, ke por la voĉdoniloj el ekster Eŭropo aŭ el landoj kun malfacilaj poŝtaj komunikoj, enpoŝtigitaj ĝis la 15 novembro, dua voĉkalkulado okazos je la fino de la jaro, sed ĉar la absoluta plimulto jam estas atingita, ĝi ne povos plu ŝanĝi la rezultaton.

**Al niaj Delegitoj.** — Por faciligi la administrajn rilatojn kun niaj Delegitoj ni decidis reaperigi la Oficialan Bultenon. La N-ro 1a de tiu eldonaĵo estas nun presata kaj dum novembro estos sendata al ĉiuj Delegitoj. Ĝi enhavos detalajn klarigojn pri la enkasigo de la novaj kotizaĵoj, la varbado de Esperantiaj Entreprenoj, la kolektado de anoncoj por la Oficiala Jarlibro, k. t. p. Kun ĝi estos sendataj provizoj de aliĝiloj, membrolistoj kaj aliaj presaĵoj necesaj al la Delegitoj por ilia agado dum la nova jaro.

**Esperantiaj Entreprenoj.** — Ni de nun akceptas aliĝojn de ĉiulandaj firmoj, kontoroj, societoj, k. t. p. kiel *Esperantiaj Entreprenoj.* La pago por 1920 estas fiksita je 12.50 Fr. Svisa valoro (Aŭstrio: 75 Kr. — Belgio: 15 Fr. — Britio: 10/-. — Ĉeĥoslovakio: 30 Kr. — Finnlando: 25 Mk. — Francio: 15 Fr. — Germanio: 30 Mk. — Hispanio: 12.50 P. — Hungario: 75 Kr. — Italio: 17.50 L. — Nederlando: 6.25 G. — Skandinavaj landoj: 8.75 Kr. — Usono: 2.50 D.). La kotizaĵo de la Esperantiaj Entreprenoj estu pagata al la Del., aŭ, kie ne estas, al la C. O. de UEA.

Ĉiu Entrepreno rajtas senpage aperigi en la Jarlibro anoncon de 40 vortoj. Por ke la teksto estu presebla en la Jarlibro 1920, ĝi devas esti sendata, kun la pago, antaŭ la 31 januaro.

**Donacoj.** — Sumoj donace senditaj por la kaso de UEA:

Celestino Escobès, Calahorra (Hispanio) 5 Fr.; Ali Aga Hariri, Tabriz (Persio) 100 Fr.; F. Müller, Zurich (Svisio) 20 Fr.; Jacinto Fonolla, Antofagasta (Ĉilo) 7.50 Fr.; Marcelo Maldonado, Villa Colon (Kosta-Riko) 26.75 Fr.; S-ino N. Pulsifer, New York 20 Fr.; H. Ettelson, New York 15 Fr.; Amiko de Esperanto, New York 31.50 Fr.; A. E. Mason-Beatty, S. Brisbane (Aŭstralio) 5 Fr.; Amikino de Esperanto, Locle (Svisio) 5 Fr.

Al ĉiuj donacintoj koran dankon!

**Garantia Kapitalo.**

| *Listo de garantiantoj* (Dua parto) | **Frankoj** |
|---|---|
| Antaŭa listo | 6000 |
| 49. S-ro Oscar Bünemann, Hamburg . . . . . . . . | 125 |
| 50. S-ino Louise Blicher, Kjöbenhavn . . . . . . . | 125 |
| 51. S-ro J. Bredall, Croydon (Anglio), dua atesto . . . . | 125 |
| 52. S-ro Frans Schoofs, Antwerpen . . . . . . . . | 125 |
| 53. S-ro Chas. S. Taylor, Haverford (Usono) . . . . . . | 125 |
| 54. S-ro Miloŝ Lukaŝ, Jilemnice (Bohemio) . . . . . . | 125 |
| 55. S-ro Marcel Gouchon, Lyon . . . . . . . . | 125 |
| 56. S-ro Alexander Hay, Wallasey (Anglio) . . . . . . | 125 |
| 57. S-ro Raven Hart, Harleston (Anglio) . . . . . . | 125 |
| 58. S-ro H. J. Pätlälä, Tampere (Finnlando) . . . . . | 125 |
| 59. S-ino Hanna Ragnell, Luopioinen (Finnlando) . . . . | 125 |
| 60. S-ro E. J. M. v. d. Laarschot, Bussum (Nederlando) dua atesto | 125 |
| Frankoj | 7500 |

Ĉiuj personoj supre notitaj promesis antaŭ la 15 septembro. Ni de nun akceptas nur atestojn je 300 Fr., konforme al la nova tabelo de la kotizaĵoj. Al la ĝisnunaj garantiantoj, kiuj do havas jam unu ateston je 125 Fr., ni volonte elvendos la restantajn atestojn de la ĝisnuna serio por la rabatprezo de 100 Fr. Svisa valoro.

**Subtenantaj membroj.**

*Sepa listo:*

179. P. Dubash (Karachi, Hindio). — 180. F. Salles (Paris). — 181. W. Friedrich (Danzig). — 182. C. Roncati (Nice). — 183. R. Elliott (Plymouth). — 184. I. Ekström (Turku, Finnlando). — 185. L. Altmann (Tallinn, Estonio). — 186. A. Pedrazzini (Locarno, Svisio). — 187. F-ino G. Ghezzi (Tenero, Svisio).

**Kotizajoj por 1919.** — Je la 30 septembro estis enkasigitaj 2751 kotizaĵoj (el kiuj 187 subtenantoj). Krom tio estas 208 dumvivaj membroj. Sume: 2959. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 57.

**Statistiko de la korespondajoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato septembro:

Ricevitaj: 682. — Forsenditaj: 1384. — Tuta sumo: 2066. (Antaŭa monato: 1439.)

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en la jenaj lokoj:
*Alexandria* (Egipto). — D.: S-ro Démetrius A. Yassemis, asekuristo, P. O. Box 1046.
*Barros* (Porto Rico). — D.: S-ro José N. Berrios.
*Chalons-sur-Marne* (Francio, Marne). — D.: S-ro Lucien Boyer, librotenisto, 1, rue de la Potellerie.
*Czestóchowa* (Polio). — D.: S-ro Abraham Karmiol, komercisto, 5, Nowy Rynek.
*Nijmegen* (Nederlando). — D.: S-ro J. P. L. Niesten, paperkomercisto, St. Annastraat 135.
*Roma* (Italio). — D.: S-ro Bruno Migliorini, profesoro, 85, Piazza Scanderbeg.
*Saskatoon* (Kanado). — D.: S-ro J. G. Mac Gall, librotenisto, The Phoenix Publishing Cy Ltd.
*Sofia* (Bulgario). — D.: S-ro St. Minkov, profesoro, mekanikoteknika lernejo, ul Nichka 77.
*St. Michael* (Usono, Alaska). — D.: S-ro Peter Patrik Wynants, vapormaŝinisto.
*Tabriz* (Persio). — D.: S-ro A. Der-Hovhannisjanc, kasisto, Banque Impériale de Perse.
*Tullins* (Francio, Isère). — D.: S-ro Augustin Goyt, advokato.
*Weiden* (Germanio, Oberpfalz). — D.: S-ro Josef Schmalzl, profesoro, II 90.

Ŝanĝoj.

*Lodz* (Polio) — D.: S-ro Heronimo Krisztal, oficisto, Zielona ul. 17.
*Neuchâtel* (Svisio). — D.: S-ro Georges Stroele, profesoro, 11, rue Pierre qui Roule.
*Newcastle-on-Tyne* (Anglio, Northumberland). — D.: S-ino S. E. Wright, Beech Grove, Whickham, Swalwell S. O. Co Durham. — VD.: S-ro George Stepherd, 166, Hotspur St. Heaton.

Adresŝanĝoj:

*Hamburg* (Germanio). — VD.: S-ro Oskar Bünemann, komercisto, Alsterkrugchaussee 586, H. Fuhlsbüttel.
*Kaufbeuren* (Germanio). — D.: S-ro Hans Meier, studento, Hauberrisserstr. 4.
*Urbana* (Usono, Illinois). — D.: S-ro G. P. Ferree, kuracisto, 708, N. Goodwin Av.

Provizore ne plu estas Delegitoj en jenaj lokoj:
*Hainola* (Finnlando); *Regina* (Kanado); *San Juan* (Porto Rico).

# Esperantista Parolejo

## La Skolta movado kaj Esperanto

La 4a leĝo de la Skoltoj, kiu estas jena: „Skolto estas amiko al ĉiu, kaj frato al ĉiu alia Skolto, ĉu la alia havas diferencan socian rangon aŭ ne," tre similas la ĉefan celon de nia Esperanta movado; tial, mi kredas, ke ambaŭ movadoj multe povas helpi unu la alian.

Ambaŭ troviĝas en ĉiuj partoj de la mondo, kaj Skoltoj estas petataj korespondi kun siaj fratoj alilandaj. Multaj Anglaj Skoltoj lernas la Francan lingvon en la lernejo, kaj pro tio povas korespondi kun siaj Francaj fratoj, sed kiel ili povas amikiĝi kun Rusoj aŭ Hispanoj aŭ alinacianoj, se tiuj lastaj ne scias la Anglan aŭ la Francan lingvon?

Estas tre necese en la Skolta movado, ke ni havu internacian lingvon, kaj en Britujo kelkaj Skoltoj lernas Esperanton. Kelkaj jam ricevis la gravan interpretistan insignon per nia kara lingvo. Ĝi estas unu el la naŭ reĝskoltaj insignoj elektataj pro ilia graveco publika aŭ utileco.

Kiel la Esperantistaro povas helpi ĉi tiun aferon?

Mi sugestas, ke en ĉiu urbo kaj vilaĝo, kie troviĝas Skolta Asocio kaj Esp. Grupo, ke iu Esperanta fervorulo proponu al la Skolta Asocio instrui Esperanton al la Skoltoj, por ke ili povu korespondi kun alilandaj Skoltoj. Mi opinias, ke sendube oni ne havos grandan kontraŭstaron.

Kiam la Skoltoj estas sufiĉe progresintaj oni devas starigi grupon por la junuloj. Taŭgaj libroj devas esti provizataj, kaj oni devas ankaŭ ludi multajn ludojn, uzante la lingvon la tutan tempon. Kursoj, debatoj, teatraĵetoj, koncertoj, k. t. p. devas esti aranĝataj vintre, kaj vagadoj, bicikle kaj piede, alilandaj vizitoj, k. t. p. somere.

Estas tre grandaj eblecoj, kaj nur estas necese, ke unu-du entuziasmuloj troviĝu en ĉiu loko, por doni al nia movado tre grandan kaj gravan puŝon.

Por ke la Esperantistaj Skoltoj estu organizataj, oni lastatempe starigis la „Skoltan Esperantan Ligon", kies ĉefoficejo estas en Anglujo. Delegitoj jam troviĝas en kelkaj landoj, kaj oni esperas, ke baldaŭ delegito troviĝos en ĉiu lando.

La celoj de la Ligo estas jenaj:

1e Disvastigi la skoltajn idealojn per Esperanto; 2e disvastigi Esperanton inter ĉiulandaj Skoltoj; 3e krei skoltan literaturon en Esperanto; 4e eldoni internacian skoltan gazeton aŭ revuon; 5e solidarigi la senton de frateco, komunan ĉe la du movadoj, inter diversnaciaj junuloj.

Oni turnu sin al la sekretario: Rotestro Keneto G. Thomson, 40, Oaklands Road, Bexley Heath, Kent, Anglujo, por pluaj informoj.

La Angla Skolta movado havas propran grandan literaturon, kaj tio estus valora aldono al la Esperanta literaturo, precipe por junuloj, ĉar nuntempe ne ankoraŭ estas multe da taŭga literaturo por ili. Estas necese, ke lerninte lingvon, la knabo aŭ knabino legu librojn verkitajn en tiu lingvo; alie li malinteresiĝas kaj la movado lin perdas.

Mi ŝatus korespondi kun interesataj personoj pri la supra artikoleto.

*Skolt-trupestro Norman Booth,*
Netherton, *Huddersfield.*

## Pri Esperantista kostumbalo[1]

Via serioza ĝojmortiganta korespondanto forgesas, ke Esperanto estas afero de homoj de ĉiu aĝo, ĉiu sento, ĉiu inklino kaj karaktero, ne nur la monopolo de la pesimistemaj personoj.[2]

La kostumbalo estis aranĝita je la fino de la kongreso, post kiam la serioza laboro estis finita, kaj mi kuraĝas aserti, ke eĉ la plej serioza Esperanta animo posedas anguleton por la ĝuo de l' vivo.

Via korespondanto eble surpriziĝos aŭdi, ke antaŭ du monatoj la plej famaj sciencistoj de la mondo, kiuj kunvenis en Bournmouth (Anglujo), vizitis are kaj oficiale unu vesperon la kinematografejon. Li certe scias, ke la reĝo David dancis antaŭ la sankta arko. Eĉ la seriozaj masonistoj en la mezepokaj tempoj, kiuj konstruis la noblajn solenajn katedralojn, serĉis distraĵon kaj amuzon en la alfikso de la ŝercoplenaj gargojloj al la sanktaj domoj. Ĉu la nuntempaj Esperantistoj ne havas la saman rajton al senkulpa amuzado?

Ĉu via konvinkita Esperantisto pensas, ke la publiko kondamnas la Esperantan movadon, se ĝi renkontas ridantajn vizaĝojn, kiuj profesas esti Esperantistoj? Ĉe multaj homoj el la ĝenerala publiko, la Esperanta movado ofte estas kunigita kun la movadoj de vegetaranismo, senalkoholismo kaj aliaj ismoj. Ju pli multe ni povas konvinki la publikon, ke Esperanto ne estas la posedaĵo de iu el tiuj ismoj, sed ke ĝi estas nenio krom lingva movado, libera de ĉiuj limigaj ĉenoj, des pli bone estos por la movado.

La plej bona pruvo por la neceso de tiaj baloj estas la senkondiĉa sukceso de nia balo en Liverpool. La ĝojo de ĉiuj ĉeestantoj estis kompleta, oni aŭdis nenion krom aprobajn vortojn de ĉiuj flankoj, kaj unu el la Esperantistaj seriozaj raportistoj venis al la konkludo, ke neniu posta kongreso devas finiĝi sen tia kostumbalo. La neesperantistoj vidis en la diverseco de la kostumoj la

[1] Respondo al artikolo aperinta en „Esperanto" de oktobro, paĝ. 166 (18), kaj subskribita „konvinkita Esp-isto".
[2] Ni atentigas, ke nia korespondanto ne protestis kontraŭ la aranĝo de balo, sed kontraŭ la portado de fantaziaj kostumoj. — *(Red.)*

veran simbolon de internacieco kaj interfrateco de la tuta homaro sendiference de raso, gento kaj nacio. Mi esperas, ke la proksima Internacia Kongreso nepre aranĝos la kutiman kostumbalon, kiu estas tiel ŝatita de la plimulto.

*J. D. Applebaum,*
Hon. Sekr. de la deka kongreso,
organizanto de la Balo kaj ankaŭ konvinkita Esp-isto.

## Al ĉiulandaj bankoficistoj

La bankoficista societo de Eisenach (Germanio) alprenis unuvoĉe en lasta jarkunveno la jenan rezolucion: „La disvastiĝo de Esp. en lasta tempo igas necese, ke ankaŭ la bankoficistoj priokupiĝu je tiu moderna interrilatilo. Estas dezirinde, ke la kolegoj komencu ideo-interŝanĝon kun samprofesianoj eksterlandaj por tiamaniere ekscii sociajn progresojn kaj aranĝojn. Ni rekomendas al ĉiuj lokaj grupoj komenci tuj Esp.-kursojn kaj kiel eble plej baldaŭ rilati kun alilandaj kolegoj, speciale ankaŭ peti de ili fakteknikajn artikolojn enpresotajn en la bankoficista gazeto. Tiu rezolucio estu prezentota al la ligo-kunveno."

Kolegoj! agu same en viaj lokaj grupoj. Sendu tuj malgrandan raporton pri jenaj punktoj: 1° Kiom pliaAltiĝis en via lando la vivkondiĉoj kaj kiom pliaAltiĝis la salajro? 2° Ĉu vi nun povas pli bone vivi ol antaŭ la milito? 3° Ĉu la pliaAltigoj estas atingitaj per strikoj aŭ tarifo-intertraktoj? 4° Ĉu vi atingis „kundestinrajton" tiamaniere kiel estas konsentite en Germanio, kie neniu povas esti maldungata sen konsento de la oficisto-delegito?

Skribu pri tio al: Deutscher Bankbeamtenverein Eisenach aŭ al S-ro W. Ranft, Mitteldeutsche Privatbank, Eisenach.

## Atentigo

Mi komunikas ke mi nenion havas komunan kun la en Vieno aperanta „La Esperantisto". Mia nomo estis misuzita. La plenan klarigon oni legos en baldaŭ aperonta numero de „Esperantista Voĉo".

*Salo Grenkamp-Kornfeld,*
red.-eldonanto de „Esperantista Voĉo".

## Oni laŭdas!

.˙. S-ro *R. Richez*, membro el Bern, kore dankas S-ron R. Bolliger, Del., pro lia samideana akcepto en lia hejmo en Interlaken, kaj S-ron F. Mathieux, Del. en Uccle (Belgio), pro perado por aĉeto de artaj reproduktaĵoj.

.˙. S-ro *I. Ĥimoviĉ*, membro el Lodz, esprimas koran dankon al S-ro E. Müller, Del. en Zürich, pro la senlacaj servoj faritaj en Paris kaj London.

.˙. S-ro *Rudolf Rupĉic*, Del. en Split, dankas S-ron G. Ragusin pro afabla helpo okaze de vojaĝo.

.˙. S-ro *J. Ŝapiro*, membro el Bialystok (Polio), sincere dankas S-ron Ploussu, Del. en Grenoble (Francio), pro plenumo de peto.

.˙. Ges-roj *Krestanov*, el Bern, tutkore dankas al S-roj R. Huber, Vicdel. en Luzern, C. Gilà, Humberset, Pedrazzini en Locarno, Ges-roj F. Isella kaj Wellbacher en Lugano pro la afablaj servoj kaj plibeligo de ilia vojaĝo tra Tiĉino. Neforgeseblajn horojn ili travivis dank' al la sorĉa lingvo Esp.!

.˙. F-ino *Julie Ŝupichova*, Del. en Praha, tutkore dankas al S-ro W. Perrenoud en Neuchâtel, F-ino J. Finholt en Akersbaken, S-ro J. Belenguer en Teruel, S-ino Monnot en Rosny s. Bois, S-ino S. H. Hayes en London, F-ino A. Jozičič en Kostajnica pro afabla informservo.

.˙. S-ro *Feliks Zamenhof*, el Varsovio, afable dankas la Delegitojn de Firenze, S-ron Scarselli, kaj Venezia, S-ron Pizzi, pro rapide donita informo.

.˙. S-ro *J. Ĥimoviĉ*, membro el Lodz, esprimas sian dankon al S-ro Oberrotman, Vicdel. en Varsovio, pro afabla akcepto kaj gastigo dum trapaso.

.˙. S-roj *E. S. Hediger* kaj *R. Richez*, en Bern, kore dankas la familiojn Rogister kaj Crisinel en La Chaux-de-Fonds pro ilia afabla kaj samideana akcepto.

.˙. La *C. O. de UEA* sincere dankas S-ron H. T. Bailey, membro de UEA, pro afabla donaco de vortaro de Kabe.

# Lingvaj Studoj

## Vortaro

*Merkato*

Jam ofte sentiĝis la bezono de speciala vorto por traduki la ideon, kiun oni nomas A. *market*, F. *marché*, G. *Markt*, H. *mercado*, I. *mercato*. La vorto *foiro* montras grandan vendadon periode aranĝatan je antaŭfiksitaj tagoj, kiel ekzemple en Leipzig, Lyon, Niĵni Novgorod. Aliparte *vendejo*, kiun kelkaj vortaroj proponas por la bezonata esprimo, signifas *ejon*, t. e. magazeno aŭ butiko, kie oni vendas, kaj ne estas sufiĉe klara. Por la komerca kaj financa uzo, aparta vorto estas necesa, kiel en la naciaj lingvoj. Ĉar la radiko *mark'* jam havas alian sencon kaj *markt'* estus nefacile prononcebla, estas konsilinde elekti la latinan radikon *merkat-o*, kiu havas sufiĉan internaciecon. — *H. J.*

*Pri la radiko „German-"*

„Ne ĉiuj Germanoj estas Germanoj, sed ĉiuj Germanoj estas Germanoj." Kiu komprenas, ke ĉi tiu ŝajna sensencaĵo celas diri: „Nicht alle Germanen sind Deutsche, aber alle Deutschen sind Germanen"? Kaj tamen la traduko estas neriproĉebla. Ĉar la radiko „German-" havas tri sencojn:

1e la loĝantoj de la nuna Germanio: „Deutsche",

2e la antikvaj „Germanen" kaj

3e iliaj posteuloj, t. e. ne nur la „Deutschen", sed ankaŭ la Svedoj, Norvegoj, Danoj, Islandanoj, Angloj kaj Amerikanoj.

Estas evidente, ke tiu ĉi triobla senco facile erarigas. Kun tio akordiĝas, ke ĉiuj lingvoj faras diferencojn inter tiuj sencoj:

| | | |
|---|---|---|
| Germane . . . | *deutsch* | *germanisch* |
| France . . . | *allemand* | *germain* |
| Angle . . . . | *German* | *Germanic* |
| Itale . . . . | *tedesco* | *germano* |
| Ĉeĥe . . . . | *německý* | *germanský* |

Kiel tion forigi?

Ekzistas du eblecoj. Unue oni povus anstataŭi la modernan sencon de la vorto, t. e. de „deutsch", per alia radiko. Prezentiĝas per si mem la radiko „deut", respondanta al la antikva Germana „diut" = popolo, kaj reaperanta en la moderna „Deutscher, Deutschland" kaj la Itala „tedesco".

Mi tamen ne proponas tiun ĉi solvon de la demando, ĉar la senco de Germano kiel „Deutscher" estas la plej ofte uzata kaj ĉie enigata. Mi preferus anstataŭi la sencon sub 2 kaj 3 cititan, t. e. „la antikvaj Germanoj kaj iliaj posteuloj".

Mi proponas do uzi la radikon *Ĝerman-* por la antikvaj loĝantoj de la „Germania" de Caesar kaj de Tacitus; iliaj idoj t. e. la nuntempaj „Deutschen" kaj la Svedoj, Norvegoj, Danoj, Islandanoj, Angloj kaj Amerikanoj, estas sekve Ĝermanidoj. Tio ne estas granda ŝanĝo, precipe ĉar en Franca kaj Angla lingvoj oni elparolas la vorton ĉirkaŭe tiamaniere.

Resumu ni:

*Ĝerman-* = la antikvaj „Germanen", *Ĝermanio* = Germanien.
*Ĝermanid-* = iliaj posteuloj, la nuntempaj „Germanen".
*German-* = „deutsch", *Germanio* = Deutschland.

D-ro *Gustav Guth.*

# REKLAMO

## KORESPONDADO

*TARIFO.* Unu enpreso: Fr. —.50. — Tri enpresoj: Fr. 1.25. — Dek-du enpresoj: Fr. 4.50.

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarko sur bildflanko.*

### Aŭstrio

**Wien XV.** — S-ro Vaclav Stary, redaktoro, Turnergasse 25/15, L, PI, PM, bfl (kun socialistoj pri ĉiuj nuntempaj problemoj. Interŝ. PM malnovajn kaj militajn).

**Wien XVIII.** — S-ino Berta Hofer, Scheidlstr. 14, PM.

**Wien XVIII.** — S-ro Karlo Benesch, Hildebrandgasse 39, PI, L (precipe kun akvariistoj).

**Wien.** — S-ro Gustav Protiwinsky, Johannesgasse 4, PI, L.

### Belgio

**Anvers.** — F-ino Lucette Janssens, 17, rue Nottebohm, L, PI (kun ĉiulandaj spertaj sam-anoj).

**Anvers.** — F-ino Gabrielle Janssens, 17, rue Nottebohm, L, PI (kun ĉiulandaj sam-anoj).

**Bruges.** — Okaze de la vekiĝo de la Bruĝa Grupo Esperantista, la anoj plezure atendas samideanan saluton el ĉiuj landoj. Al ĉiuj oni respondos. S. 2, place Simon Stévin.

### Britio

**Manchester.** — Esperanto-Grupo, Onward Buildings, Deansgate, aranĝas leter- kaj poŝtkartvesperojn dum decembro 1919 kaj januaro 1920. Al ĉiuj oni respondos. Samideanoj bonvolu skribi al ni.

**Newcastle-upon-Tyne.** — S-ro Wallace Mackay, biblioteka oficisto, 25, Breamish St., L (kun bibliotekoficistoj), PI (kun ĉiuj landoj).

**Preston.** — S-ro W. H. Staveley, muzikisto, 15, Lune St., L, PI (kun muzikistoj kaj aliaj personoj en ĉiuj landoj).

**Wallsend-on-Tyne.** — S-ro J. H. Murray, 13, Beech Grove, L, PI, bfl (kun ĉiuj landoj).

**Wallsend-on-Tyne.** — S-ro W. Mason, 38, Northumberland St., PI, L (kun ĉiuj landoj).

### Ĉeĥoslovakio

**Bart** (Komárenska župa). — S-ro Rafael Bartal sciigas sian konstantan adreson.

**Černy Kostelec.** — S-ro Bohumil Ludvik, fakinstruisto, Del. de UEA, salutas siajn korespondantojn kaj denove korespondas, PI, L, fotografaĵoj.

**Červeny-Kostelec.** — S-ino Ružena Brusnicka, Sokolska ul., PI, L.

**Červeny-Kostelec.** — F-ino Baža Keyzlarova, Svatojakubská ul. 221, PI, L.

**Červeny-Kostelec.** — F-ino Ela Šrutková, Kaprova ul. 386, PI, L.

**Holice ap. Olomouc.** — F-inoj Mařenka Musilova kaj Handa Navrátilová, PI, L.

**Hradec-Kralóvé.** — S-ro Frantisek Smetak, Kralova-hradecká spořitelna, PI, PM.

**Hradec-Kralóvé.** — S-ro Čermak, PM.

**Hradec-Kralóvé.** — S-ro Karel Jelinek, Safařikova 511, PM (precipe kun novaj Baltaj ŝtatoj, Balkanaj kaj neeŭropaj).

**Hradec-Kralóvé.** — S-ro O. Sklenčka, Zivnostenska banka, L, PI, PM (preferas korespondi kun spertaj Esp-istoj pri la movado, kluba vivo, propagandaj manieroj, kursaj metodoj, k. t. p. Kolektas Esp. propagandilojn kaj specimenojn de Esp. gazetoj; kelkajn intencas aboni por si mem kaj kelkajn por sia klubo).

**Horn-Neusattl bei Karlsbad.** — S-ro Hermann Paul, fabrikoficisto, L, PI (speciale kun fraŭlinoj pri socialismo).

**Ober-Ullgersdorf bei Bodenbach.** — Gelernantoj de laborista Esp.-kurso, adr.: gastejo „Sarajevo", PI (kun alilandaj sam-anoj).

**Opava.** — S-ro Alois Zednik, oficisto de la Bohema Industria Banko, PI, bfl (kun ĉiuj landoj; peras komercajn rilatojn).

**Plzeň.** — S-ro J. Paŝplička, Palackeho nam. 1/II, PI, L.

**Prostějov.** — F-ino Marie Havrankova, faka instruistino, ul. Pod Koširem 31, PI (kun ekstereŭropaj sam-anoj, precipe Ĉinaj kaj Japanaj), L (kun ĉiuj, kiuj amas arton, lingvojn kaj literaturon).

**Prostějov.** — S-ro R. Fridrich, profesoro, Rejskova 10 (pri politikaj kaj literaturaj temoj kun anoj de malgrandaj nacioj).

**Slany.** — S-ro Karel Chysky, PI, PM, bfl.

**Unčov** (Moravio). — S-ro Alois Fiŝa, gimnaziano, PM Ĉeĥoslovakajn kontraŭ aliaj.

### Estonio

**Revalo.** — S-ro Leopoldo Altman, poŝtkesto 103, PI, bfl (vidindaĵoj), L (kun ĉiuj landoj).

### Finnlando

**Heinsla.** — S-ro Uno Salonen, PI, PM.

**Helsinki.** — F-ino A. Laitinen, Itä Kaivopuisto 8 A, PI, L.

**Helsinki.** — S-ro Joel Vilkki, studento, Eerikinkatu 25, PI, L (kun ĉiulandaj sam-anoj).

**Helsinki.** — S-ro Joel Vilkki, Eerikinkatu 25 (deziras korespondantojn por siaj 11—40-jaraj lernantoj), PI, L.

**Humppila Murto.** — S-ro Elias Syrjänen, PM.

**Lahti.** — S-ro Yrjö Lindqvist, studento, Hämeenk. 5, L (dez. kaj interŝ. informojn pri sportaj okazaĵoj en ĉiuj landoj).

**Lappeenranta.** — S-ro Yrjö Törma, Finna oficiro, J. K. T. R. 3, PI, L (kun junaj Anglaj fraŭlinoj).

**Lappeenranta.** — S-ro Karl Marjanen, 7/K. T. R. 3 (kun ĉiulandaj fraŭlinoj).

**Lappeenranta.** — S-ro Väinö Rantala, studento, 7/K. T. R. 3 (kun agronomoj aŭ agron.-studentoj).

**Perkjarvi.** — S-ro Vilho Kaihovaara, PI, bfl.

**Tampere.** — S-ro Jouko Jylhä, Aleksanderinkatu 30, PM.

**Terijoki.** — S-ro Vilho Kantanen, Yhteisk, PI, PM.

**Turku.** — F-ino Anna Ekström, Banko Garanti A. B., PI, L.

### Francio

**Neuilly s. Seine.** — S-ro J. R. Higot, 3, rue de l'Eglise, PI, L.

**Paris.** — S-ro Lucien Bannier, 106, rue de Menilmontant, L (kun ĉiuj landoj pri socialismo).

**Paris IX.** — S-ro Léon Courtinat, studento, 9, rue de Bellefond, PI (vidindaĵoj, kun ĉiuj landoj).

### Germanio

**Augsburg.** — S-ro Karl Streckfuss, Del. de UEA, Stadtjägerstrasse 22 (pri propagando de Esp., aliaj seriozaj temoj, interŝanĝo de artaj kaj tipaj PK kun eksterlandanoj).

**Berlin-Hohenschönhausen.** — S-ro Franz Kuczorra, Treskowstr. 59, PI, L.

**Breslau.** — S-ro Otto Poser, Vorwerkstr. 45, PI, L.

**Eisenach.** — S-ro Zöberlein, Marktstr. 1, PI, bfl.

**Eisenach.** — F-ino E. Scheffler, Karthäuserstr. 42, PI.

**Eisenach.** — F-ino Bierbaum, Heinrichstr. 11, PI.

**Eisenach.** — F-ino Grete Schwalbe, Sophienstr. 47 b, II, PI.

**Eisenach.** — S-ro Heinrich, Hotel Mille, PI, PM.

**Eisenach.** — S-ro Eichmüller, Sophienstr. 91, PI, L.

**Eisenach.** — S-ro E. Märksch, Frauenberg 11, PI, PM.

**Gustavsburg** (Hessen). — S-ro B. Michalik, komercisto, L, PK (entreprenas tradukadon el kaj en la lingvojn: Esperante, Germane, Pole, Ĉeĥe, Ruse, Serbe, Bulgare, Finne, Angle, France, Itale, Hispane kaj Portugale; skribas ankaŭ stenografie Gabelsberg, Germane kaj Esp., pri lingvaj demandoj).

**Kaufbeuren** (Bavario). — S-ro Hans Meier, Hauberrisserstr. 4, PI, L (kun homoj sincere serĉantaj la veron).

**Leipzig-Gohlis.** — Anoj de la laborista grupo dez. koresp. kun antaŭmilitaj korespondantoj, ĉefe kamaradoj de ĝisnunaj malamikaj landoj. S-ro H. R. Voigt, Johann Georgstr. 24.

**Leipzig.** — S-ro Kurt Oehmisch, Sidonienstr. 8 b, IV, PI, L.

**Leipzig.** — S-ro R. Menzel, Kreuzstr. 33, PI (kun antaŭmilitaj korespondantoj).

**Leipzig-Neustadt.** — S-ro Ernst Erdmann, Ludwigstr. 59, II, L (kun sociallaboristoj).

**Leipzig.** — Esperanta unuiĝo de magistratoficistoj, Otto Schillstrasse, restoracio Buchholz, L, PI, bfl (kun eksterlanduloj).

**Potsdam.** — S-ro Otto Wehnert, Burgstr. 56/I, PI, L (pri okultismo kaj teozofio kun ĉiuj landoj).

**Regensburg-Pfaffenstein 4½** (Bavario). — S-ro Ew. Mühleisen, PI, L.

**Untertürkheim** (Württemberg). — S-ro Karl Schwander, Mercedesstr., PI, L.

### Hispanio

**Barcelona.** — S-ro V. Marin, Agullés 9—4, L, PI.

**Barcelona.** — S-ro J. Meseguer, Recaredo 7 bjs, L, PI.

**Barcelona.** — S-ro M. Peris, Wad-Ras 152-1-1-, L, PI.

**Ruesca.** — F-ino Maria Luisa G. Caamano, instruistino (kun alilandaj geinstruistoj pri lernejaj procedoj).

**Tarrassa.** — S-ro Sebastian Chaier, Del. de UEA, 124, San Mariano, PI, L.

### Hungario

**Budapest.** — S-ro Paulo Balkanyi, Hajos uc. 15/II (por Budapestaj junuloj), PI, L.

### Italio

**Napoli.** — S-ro Adv. Celestino Cacace, 8, Piazza della Borsa, PM.

**Pisa.** — S-ro Frosini Frosino, studento, 5, via dei Mille, PI, L, PM (kun ĉiuj landoj).

**Pisa.** — S-ro N. Jäger, Via Vittorio Emanuele 17/II, PI, PM (kun ĉiulandaj sam-anoj).

### Jugoslavio

**Kragujevac** (Serbio). — S-ro Petro Stojan, instruisto matematika, I-a gimnazija, PI, bfl, L (pri lingvaj demandoj, indeŭropa pralingvo, teorio de Esp.).

### Nederlando

**'s-Gravenhage.** — S-ro D-ro J. M. van Stipriaan Luiscius, advokato, PI (nur juĝejoj).

**'s-Gravenhage.** — S-ro I. G. de Jong, 626, van Ostadestr., PI, L.

**Rotterdam.** — S-ro L. Vroomman, Lambertusstraat 124 a, PI (kun ĉiulandaj fraŭlinoj).

**Zwolle.** — S-ro J. Kromme, fervojoficisto, Molenweg 168, PM (kun ĉiuj landoj), PI (prefere stacidomoj, monumentoj k. t. p., sed ne fantaziaj).

### Polio

**Lodz.** — S-ro J. Chimoviĉ, Dluga 90, PI, L (aĉetas Esperantaĵojn).

**Lodz.** — Lodza Esperantista Societo, Dluga 90, aranĝas la 22 novembro 1919 leter- kaj poŝtkart-vesperon, L kaj PI estas atendataj el ĉiuj landoj. Al ĉiuj oni respondos.

**Lodz.** — S-ro Feliks Hiller, Piotrkowska ul. 121, PI, L (sendas originalajn Esp. kantojn kontraŭ PI aŭ aliaj Esp-aĵoj).

**Radom.** — S-ro Johano Wojtas, Ogrodova ul. 7, PI, L.

**Sambor.** — S-ro Jan Tyrka salutas siajn antaŭmilitajn korespondantojn kaj dez. denove koresp. kun sam-anoj de ĉiuj landoj krom Germanio.

**Varsovio.** — S-ro Ad. Oberrotman, Krak.-Przedm. 10, salutas siajn antaŭmilitajn kor., renovigas la korespondadon prefere kun ekstereŭropanoj pri tre interesaj temoj, L, PK, PM, fotogr., gazetoj, moneroj, k. t. p. Ankaŭ peras komercajn rilatojn.

### Svedio

**Göteborg.** — S-ro Bjarne Beckman, N. Fogelbergsgatan 5, nur L (prefere kun progresemaj junuloj pri ĉiuj temoj. Al kolektantoj de PI kaj PM ne respondos).

**Stockholm.** — Stockholms Esperantoförening S-ro H. Halldor, Helsingegatan 9, PI, L, el ĉiuj landoj por aranĝota letervespero la 11 decembro 1919.

**Västerås.** — S-ro O. Steiner, Lindero 3, PM (prefere kun ekster-eŭropanoj).

**Västerås.** — S-ro O. N-son Ihrborn, Viksäng, PI, L, PM kaj alia Esp-aĵo post interkonsento.

### Svisio

**Genève.** — S-ro Joseph Halter, horloĝisto, 55, Bd. Carl Vogt, PI, L (kun ĉiuj landoj)

**Lyss.** — S-ro Emil Steiner, PM, PI, bfl.

### Nord-Ameriko

**Metuchen** (U. S. A., N. J.). — S-ro A. S. Arnold, Box 36, PM (kun ĉiuj landoj). Havas 9000 diversajn por interŝanĝo. Tuj respondos.

**Mexico D. F.** (Meksiko). — S-ro M. C. Rodriguez, Apartado 139 bis, L, PI, nur kun seriozaj Esp-istoj; interŝanĝas PM de la revolucio kontraŭ milit- kaj ruĝkrucaj. (Ne sendas unue, sed certe respondas.)

**Montreal** (Kanado). — S-ro T. A. Allan, c/o The Signal Engineer, Grand Trunk Ry, interŝanĝas dumovajn ŝakproblemojn kun ĉiuj, ankaŭ PI kaj L. Li esperas, ke multaj mez-Eŭropanoj skribos.

**New York** (U. S. A.). — S-ro Armand Coigne, 2633, Creston Ave. (dez. interkonatiĝi kun samideanoj, kiuj interesiĝas pri internacia asocio por psika enketado kiel helpantoj kaj avizantoj. Ne korespondas pri psikismo nek pri alia temo escepte la asocion. PK kaj PM kolektantoj ne ricevas respondon).

**Wahkon** (U. S. A., Minn.). — S-ro Pierre Parish, Consolidated School, PI, L, PM (kun eksterlanduloj pri ilia respektiva lando).

### Sud-Ameriko

**Buenos-Aires** (Argentino). — Esperanto-Grupo „Antaŭen" 2049, San Martin, Talleres F. C. S., L, PI, bfl, PM.

**Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro Celedonio Santos, 2153 Patagones, PI kaj gazetojn (kun ĉiuj landoj).

**Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro A. Villanueva, 4176, Tafi, Villa Lugano PK (kun ĉiuj landoj).

**Talleres F. C. S.-Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro Domingo Mondini, 6164, Centenario, PI, bfl, PM.

### Azio

**Bassein** (Burma). — Rev. W. Cronkhite, baptista misiisto el Usono, Box 10, PI, L (kun siaj antaŭmilitaj korespondantoj k. a. inkluzive gejunuloj kaj infanoj de ĉiuj landoj).

**Smyrna** (Malgranda Azio). — S-ro Démétrius G. Joannides, Turka Poŝto 540 (portretoj, libroj, gazetoj, kuriozaĵoj), L, PM, PI, bfl (pri religiaj kaj sociaj movadoj).

### Aŭstralio

**Perth.** — Lernantoj de la grupo „Nigra Cigno" pere de S-ro C. Caine, 42, Temple street, Victoria Park, PI, L.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.40. Por tri enpresoj rabato da 10%. Por dek-du enpresoj 25%. Antaŭa pago.

**Adresŝanĝo.** — S-ro Henk Goemans informas siajn amikojn, ke post lia reveno el Rusio lia adreso estas: Rotterdamsche Bankvereeniging, Amsterdam.

**Demokratoj kaj socialdemokratoj** en Germanio deziras korespondi kun samideanoj en aliaj landoj. Unuiĝoj kaj personoj, kiuj estas pretaj repreni la antaŭajn amikajn rilatojn estas petataj sendi la adresojn al S-ro O. Rieck, vice-poŝtdirektoro, Wolgasterstr. 38 b, Greifswald (Germanio).

**Edziĝo.** — Esperantisto, serioza karaktero, deziras letere interkonatiĝi kun juna Esp-istino, celante edziĝon. Komencan skribaĵon oni adresu en fermita koverto sub „Feliĉo" al la Redakcio de „Esperanto", Museumsstr. 14, Bern, kiu ĝin peras. Malseriozaj leteroj estos resendataj.

**Esperantaĵojn ĉiuspecajn el ĉiuj landoj** (gazetoj, libroj, gvidlibroj, filmoj, poŝtkartoj, flugfolioj, reklamoj, prezaroj, k. t. p.) por legsalono, biblioteko kaj ekspozicio, deziras ricevi: S-ro C. Gilà, Del. de UEA en Locarno (Tiĉino, Svisio).

**Filatelistoj.** — Al ĉiu persono, kiu sendos al mi per rekomendita letero 50—100 aŭ pli malsamajn PM de sia lando, mi sendos saman kvanton aŭ valoron de Argentino kaj Sud-Ameriko. — Katalogo Yvert-Tellier. — Sin turni al P. Gómez, 3924, Córdoba, Buenos-Aires.

**Filatelistoj.** — Por plena serio de ĉiulandaj PM mi sendas plenan serion de Ĉeĥoslovakaj aŭ Jugoslavaj PM. Vladimir Luža, oficisto, Blansko (Ĉeĥoslovakio, Moravio).

**Financa partopreno.** — Por fondo de la plej granda plezurentrepreno en la proksimo de Düsseldorf (plej bela urbo en Germanio) mi serĉas financajn partoprenontojn po almenaŭ 1000 Mk. Intereso certe 10 %. Konstruloko eble senpage. Sendu 1 M. por elspezoj, kaj vi ricevos detalojn kaj familiportreton de Jos. Ippen, Elberfelderstr. 156, Hilden bei Düsseldorf (Germanio).

**Hebreaj Vegetaranoj** bonvolu konigi siajn adresojn al S-ro Nathan Chavkin, Bergmannstr. 7, München (Bavario).

**Hermetismo.** — Anaro Esperantista de la Societo de l' Hermetika Saĝo, Religio-filozofio Greka, Ĥaldea, Egipta. Por ĉiuj detaloj skribu al: Order of Ancient Wisdom, „Esperanto", 6, John Dalton Street, Manchester (Anglio).

**Hungara Esperanto-Servo.** — Sendu ĉiujn informojn pri kulturaj, sciencaj kaj politikaj novaĵoj de via lando per poŝtkarto al: Hungara Esperanto-Servo, 15, Hajos uc. 15/II, Budapest.

**Informo.** — Revenínte el Rusa kaptitejo mi sendas al ĉiuj korespondantoj kaj konatuloj korajn salutojn. Mi dezirus ricevi informojn pri mia biblioteko en Moskva Esperanto Instituto. Tadeus Kaciĉak en Grabiĉ p. Lopanow (Galicio, Bochnia).

**Katolikaj gestudentoj** kaj gimnazianoj! Kunlaboru ĉe la interpopola repaciĝo en Kristana spirito! Skribu tuj al la centrejo de Mondjunularo Katolika: S-ro stud. teol. Pickorz, Breslau, Schwenkfeldstrasse 15 (Germanio).

**Kolektantoj.** — Mi kolektas la jenajn aferojn kaj dankas por proponoj: 1e bildojn de floroj kaj branĉoj; 2e bildojn de brodaĵoj; 3e gravajn artikolojn pri la Esp. movado; 4e komercleterojn. S-ro Julius Hefti, Heiligkreuz 59, St. Gallen (Svisio).

**Kolektantoj de ĉiuspecaj objektoj!** — Oni intencas starigi kaj presigi tutmondan adresaron pri kolektantoj de ĉiuspecaj objektoj. Bonvolu do ĉiu kolektanto sendi poŝtkarte la jenajn deklarojn: Nomo, antaŭnomo, profesio, preciza adreso, objektoj kolektataj (detale), lingvoj de korespondado, eventuala bankkonto. La enpreso estos senkosta; la enskribo devigas al nenio. Pluaj informoj sekvos pli poste. Oni skribu senprokraste kaj tre legeble al S-ro Max Schrank, Kempten (Bavario).

**Kooperativismo.** — La sekretario de la Esp. Kooperativa Ligo deziras ricevi literaturon pri kooperativismo en Rusa kaj aliaj lingvoj. S-ro A. H. Holt, 31, Old street, Newchurch M. C., Anglio.

**Korespondantojn** en ĉiuj landoj pri aferoj politikaj, kulturaj kaj precipe ekonomiaj serĉas granda Ĉeĥa ĵurnalo „Tribuna". Pluajn detalojn donas Fred. Weiner, redaktoro, Jungmannova 21, Praha I (Ĉeĥoslovakio).

**Korespondo.** — F-ino Germaine Dubois, el Francio, skribu al sia estinta korespondanto Väinö Rantala, Lappeenranta 7/K. T. R. 3 (Finnlando).

**Mondlingva arĥivo.** — Por kompletigi gravan arĥivon pri la demando de internacia lingvo, ni serĉas ĉiuspecajn presaĵojn pri aliaj mondlingvoj. Proponojn kun indiko de titolo kaj prezo oni sendu al la Centra Oficejo de UEA, Museumsstr. 14, Bern (Svisio).

**Pacifistoj!** — Sigelmarkoj kun seslingva kaj Esp. teksto: „For la batalilojn! Organizu la mondon!" Efika propagandilo. Por 100 ekz. po 1.25 Fr. afrankite. Robert Bolliger, Del. de UEA, Maulbeerstr. 17, Bern (Svisio).

**Perdita militkaptito.** — S-ro Theodor Schöfl (lasta adreso, en junio 1917: Suchumski Okrug, Kutant 32, Kaukasisches Arbeiterbataillon), iam estis sur insulo Nargen apud Baku, poste en malsanulejo en Tiflis. Informojn oni sendu al „Esperanto" aŭ al Hans Klinger, Del. de UEA, Tetschen 463, Bohemio.

**Poŝtmarkoj Polaj.** — Aŭstriaj poŝtmarkoj kun surpreso „Poczta Polska", la Krakova eldono k. a. estas riceveblaj ĉe S. Grenkamp-Kornfeld, Jaslo (Galicio, Pollando). Pro la necertaj poŝtrilatoj mi povas konservi la menditajn.

**Skoltoj.** — Ni alvokas al ĉiuj skoltoj aliĝi al la Skolta Esperantista Ligo. Petu nian broŝuron „Propono pri Skolta Esperantista Ligo" de *Avoto*, prezo 4 pencoj afrankite. Havebla ĉe la provizora sekretario de S. E. L., 40, Oaklands Road, Bexleyheat, Kent (Anglio).

**T. C. F.** — L. Poncet, Del. de UEA, 36, rue Victor Hugo, Lyon, deziras rilati kun anoj de la Touring Club de France (T. C. F.) por protesti kontraŭ ĝia forlaso de Esperanto.

**Tribuna,** politike sendependa ĵurnalo por interesoj kulturaj kaj ekonomiaj, plej bona gazeto por anoncoj, prizorgas ĉiujn informojn pri Ĉeĥoslovakio. Oni korespondas Angle, France, Germane, Esperante. Redaktoro Fred. Weiner, Jungmannova 21, Praha I (Ĉeĥoslovakio).

**Vortaroj.** — La Centra Oficejo de UEA deziras akiri por redakcia bezono po unu ekzemplero de la sekvantaj vortaroj: Boirac: Esperanto-Esperanta-Français. Verax: Enciklopedia Vortareto Esperanta. Proponojn oni bonvolu adresi al ni kun indiko de prezo k. t. p. Centra Oficejo de UEA, Museumsstr. 14, Bern.

## INTERNACIA KOMERCO

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.40. Por tri enpresoj rabato da 10 %. Por dek-du enpresoj 25 %. Antaŭa pago.
Anoncoj el la militintaj landoj estas denove akceptataj.

**Artikolojn** de ĉiutaga bezono, ankaŭ agronomaj, deziras aĉeti kooperativo de vilaĝana rondeto. Proponojn oni sendu al S-ro Tadeus Kaciĉak en Grabiĉ, Poŝto Lopanow (Bochnia), Polio, Galicio.

**Brita komerco.** — S-ro Paul Blaise, 125, Hambalt Road, London SW 4, respondas ĉiujn petojn pri eksportado kaj importado de komercaĵoj ĉiuspecaj el kaj en Granda Britujo.

**Komerca propagando en Svisio.** — Unuiĝoj, komercistoj ĉiulandaj, dezirantaj disdoni broŝurojn, reklamojn, k. t. p. en Svisio, sin turnu al la centra propaganda oficejo Ernest S. Hediger, Bürgerhaus, Bern, kiu posedas ĉiujn adresojn de ĉiu fako en Svisio. Plej modernaj plimultigmaŝinoj.

**Komercistoj.** — Por Hungara eks- aŭ importo, reprezentado, anoncado, reklamdisvastigo, informoj, turnu vin al Hungara Esperanto-Servo, Hajos uc. 15/II, Budapest.

**Komercistoj kaj industriistoj!** — Ĉu vi volas vendi viajn komercaĵojn kaj industriaĵojn en Italio kaj Sud-Svisio? Turnu vin al Ortensio Bianchi, komisiisto, Chiasso (Svisio), kiu havas seriozan kaj gravan klientaron.

**Komercrilatoj.** — Oni deziras transdoni la reprezentadon de brodaĵoj de St. Gallen (broditaj sur tolo, kotono kaj silko), delikate laboritaj tolaĵoj kaj subtilaj, elegantaj salongarnaĵoj. Pagokapablaj reprezentantoj kaj aĉetantoj sin turnu al S-ro Julius Hefti, Heiligkreuz 59, St. Gallen (Svisio).

**Komisioj.** — Deziras komisiojn de diversaj specoj por Norvegio. Einar Larsen, ĝardenisto, Bispegatan 8, Trondhjem (Norvegio).

**Pola Komerca Agentejo** sin rekomendas por la vendado kaj eksportado de ĉiuspecaj artikloj. Adolfo Oberrotman, Krak.-Przedm. 10, Warszawa (Polio).

**Reprezentado.** — Adv. Celestino Cacace, vic-direktoro de Napola agentejo de la asekura societo „Riunione Adriatica di Sicurta", Napolo (Italio), 8, Piazza della Borsa, deziras reprezenti eksterlandajn firmojn pri ĉiuspecaj komercaĵoj kaj produktoj. Donas komercajn informojn pri ĉiuj Italaj komerclokoj.

**Ŝipposedantoj.** — La firmo Pestonjee Bhicajee, Keamari, Karachi, Hindio, deziras rilatojn kun Amerikaj kaj Japanaj ŝipposedantoj kaj reprezentadon de maŝinoleo, motorveturiloj kaj ĉiuspecaj artikloj.

**Teleroj kaj vazoj.** — Mendojn por manpentritaj vitraj teleroj kaj vazoj de plej alta artvaloro (precipe koloraj flormodeloj, se dezirate, ankaŭ kun Esperanto-emblemoj) akceptas D-ro Fritz Wicke, Del. de UEA Kaszbergstr. 40 I., Chemnitz. Prezo 15 Fr. Svisa valoro kaj pli alta laŭ deziroj. Pak- kaj sendkostoj aparte. Bonega plenumo kaj ekzakta pakado garantiataj.

**Vendado kaj interŝanĝado de markoj.** — S-ro P. Tarnow, Olshausenstr. 18, Kiel (Germanio). — 1e *Poŝtmarkoj.* Se iu sendas al mi rekomendite ian certan kvanton da malsamaj eksterlandaj PM, mi resendas al li la saman kvanton da malsamaj Germanaj. — 2e *Esperantaj markoj,* en diversaj, riĉe elektitaj kovertoj, enhavantaj po 150 markoj (el kiuj 100 malsamaj). Prezo: 3, 4, 5 aŭ 6 Sm. — 3e *Ovoformaj Esperantaj markoj,* propra eldono. 100 kostas 0,60 Sm.; 200 kostas 1,00 Sm. Ĉiuj prezoj laŭ Svisa kurzo!

